XVIIIa jaro. No 263—264 (7—8) ☆ Monata ☆ Julio—Aŭgusto 1922

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I.2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu-centimetra kolonero) . . . . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%*

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Idealo kaj realigo

Valora entuziasmo, eĉ el la speco kapabla transporti montojn, tio ja ne mankas en la Esperantistaro. Kaj bona ĝi estas, ĉar ĝi donas al nia movado la spiritan forton. Pli malofta estas disciplina agemo kaj ĝusta sento pri konkretaj faktoj. Multaj sindonaj samideanoj vivas unuflanke en bela revado kaj aliflanke en konstanta plendado pri neintereso de publikaj homoj aŭ institucioj.

Eble, se ili klopodus meti sin pense en la lokon de la kritikatoj, ili pli bone komprenus la kaŭzojn de ilia neintereso kaj eble malkovrus ankaŭ kulpeton sian en la afero. Kiel la ŝtatistoj aŭ urbestroj povas interesiĝi al Esperanto, se oni proponas al ili ĉu nenion, ĉu tro multe?

Havante klaran komprenon pri la realaj eblaĵoj, la esperantistoj povus jam atingi multon, ŝtupon post ŝtupo, se ili kutimiĝus gradigi sian agadon. Al tujo taŭgas minimumoj, al estonteco maksimumoj. Iluzioj estas granda danĝero, ĉar ili gepatras malkuraĝigon. Pli saĝe kaj pli certe estas vidi la faktojn kiel ili staras.

Ekzemple pri la Ligo de Nacioj oni ne imagu fanfaziaĵojn. Speciale oni ne atendu miraklon. La ĝenerala sekretariaro prezentos en Septembro sian raporton. La kunsido decidos mem ĉu ĝi volas ion rekomendi. La faktoj estas jenaj: La Ligaj delegitoj estas plejparte diplomatoj aŭ politikistoj. Por ili la mondlingva problemo ne estas unuaranga zorgo. Ili ankaŭ emos al prudenteco por ne ligi siajn registarojn per ia devigo. La malgrandaj ŝtatoj, nature plej favoraj al mondlingvo, ĉiam rigardas al la sinteno de la grandaj antaŭ ol ion decidi.

Nu, inter la grandaj regnoj, estas unu, kies nuna registaro malfavoras nian aferon. Ĝiaj diplomatoj kaj agentoj eksterlande ricevis denovajn instrukciojn pri tio kaj kontraŭbatalas nin. Ĝia ministro de publika instruado ĵus dissendis cirkuleron al la ŝtataj lernejoj por malpermesi instruadon de Esperanto tie, sub pretendo, ke nia movado celas malhelpi nacian kulturon kaj speciale latinan kaj francan. Kompreneble nenio estas pli facile rifutebla ol tia aserto. La respondo de la Franca Societo p. p. Esperanto inde montras ĝian erarecon. Ĉefa parto de nia vortaro estas latina. Instruado de Esperanto en anglaj, germanaj, slavaj kaj orientaj landoj montriĝis bonega enkonduko al studo de franca lingvo. Multon ŝuldas ni al francaj scienculoj, al francaj Komercaj Ĉambroj, kaj eĉ al antaŭaj francaj ministraroj, kiuj honoris D-ron Zamenhof per ordeno en 1905 kaj disdonigis ruĝa-krucajn esperanto-lernolibrojn en 1916 per oficiala cirkulero al flegistaj taĉmentestroj. Eĉ post la interveno de S-ro Hanotaux ĉe la Ligo de Nacioj, eĉ ne unu vorto kontraŭfranca aperis en la esperanta gazetaro. Ankaŭ tute prave.

La nuna kontraŭbatalo estas nur momenta. Tia lando, kie Esperanto trovis antaŭe tiom da valora helpo, certe revenos iam al sia pli nobla tradicio de homa progreso. Nur la milito kaj ĝiaj suferigaj sekvoj kaŭzas tiun krizon. Sed, ĉar ni estas malriĉaj kaj senpovaj antaŭ kolosa ŝtata potenco kaj monrimedaro, tia kontraŭstaro kompreneble ne faciligas nian agadon. Tamen ĝi montras, ke nia afero estas konsiderata kiel vivanta kaj eĉ forta, ĉar oni kalkulas kun ĝi.

Ni do ne faru al ni iluziojn, sed klare konsiderante la faktojn, ni laboru metode per sinsekvaj paŝoj. Neniu

ajn oficiala rekomendo povos fari la laboron por ni. Same neniu ajn malpermeso povas haltigi Esperanton. Per rekomendo de la Ruĝa Kruco, per la ĝeneva konferenco, per interesigo de la Ligo de Nacioj, ni klopodas doni al la esperantistoj armilojn por ilia laboro, nenion plu. Se oni scias ilin uzi ĉe sia loko, oni povas proponi kursojn, eksperimentojn en lernejoj, provan enkondukon de Esperanto aŭ definitivigon de jam atingitaj sukcesoj. Se oni ne uzas ilin, tiam ili restas vanaj, mortintaj literaroj. La unua devo de niaj propagandistoj estas studi iom teknike la eblaĵojn ĉirkaŭ si. Multaj el ili ne sufiĉe konas la funkciadon de siaj propraj lernejaj estraroj, ne scias kiel kaj al kiu sin turni. Iom da praktika, reala informiĝado ilin tre helpos.

Realismo sola estas malnobla. Idealismo sola estas malpraktika. Idealismo devas esti la vivmotivo kaj la kaŭzo de sindono, sed realismo devas esti la metodo. Unu devas ordoni, la alia devas plenumi. Idealo nin inspiru, realigo nin okupu.

*Edmond Privat.*

---

 SOCIA VIVO 

# Reformo de la Kalendaro

La internacia kongreso de Komercaj Ĉambroj kuniĝinta en Londono en la jaro 1910 okupis sin pri la fiksado de la Paska festo kaj pri la reformo de la Gregoriana Kalendaro. Ĝi decidis peti la svisan registaron kolektadi la multajn proponojn, prilabori ilin kaj poste kunvoki diplomatan konferencon, kiu pridiskutu la diversajn projektojn kaj ellaboru precizan planon por la enkonduko de la necesaj kaj urĝe postulitaj plibonigoj. La svisa registaro akceptis la taskon kaj tuj komencis enketon. En la daŭro de tri jaroj ne malpli ol 62 proponoj alvenadis el ĉiuj terpartoj, inter ili 22 en la lingvo Esperanto. La subskribinto estis komisiata studadi la tre interesoplenan materialon kaj fari resumon por la registaro. Interdume la registaro aranĝis enketon ĉe la registaroj de ĉiuj civilizitaj nacioj, demandante ilin, ĉu ili interesiĝas pri la afero kaj ĉu ili partoprenus ĉe internacia konferenco kunvokota al Berno. La respondoj sufiĉe rapide alvenis kaj plejparte estis jesaj. La afero troviĝis do sur bona vojo kaj la konferenco povus esti aranĝita por la jaro 1915 aŭ plejmalfrue 1916. Sed subite eksplodis la mondmilito kaj interrompis la pacan entreprenon. La dokumentaro malaperis en la angulo de sekreta tirkesto kaj pace dormadis ĝis alveno de pli normala por ĝi tempo. Fine ankaŭ la terura mortigado ĉesis kaj iom post iom dolĉa paco ekregadis kaj hodiaŭ la cirkonstancoj ree favoraj estas por repreno de la kruele interrompita paca laboro.

Jam en Usono grava korporacio okupiĝis pri la afero kaj multe da komercaj ĉambroj kaj privatuloj esprimis la deziron, ke la demando nun estu solvata.

Ŝajnas do esti utila diri ion pri la diversaj proponoj por ke la interesuloj povu desegni al si bildon pri la postuloj kaj instigoj.

Facile oni povas partigi la multajn projektojn laŭ kvar grupoj:

*Unua Grupo.* Oni nepre respektas la nunan kalendaron kaj la kalkulmanieron, sed oni provas pli taŭgan apartigon de la tagoj je la dekdu monatoj kaj je la kvartaloj. La plej konata projekto de ĉi tiu grupo estas elpensita de profesoro Grosclaude en Ĝenevo: la jaro havas kvartalojn kun po 91 tagoj; ĉiu kvartalo konsistas el tri monatoj; ĉiu monato havas 30 aŭ 31 tagojn, tiamaniere ke en ĉiu kvartalo troviĝas unu monato kun 31 tagoj kaj du monatoj kun po 30 tagoj. Ĉi tiu tre malgranda ŝanĝo havas la bonan konsekvencon ke ankaŭ la ambaŭ duonjaroj estas same longaj (182 tagoj). Sed 2×182 aŭ 4×91 estas nur 364. Tamen la suna jaro havas 365 tagojn. La tiel nomita super- aŭ kromtago estu enŝovata ĉe la fino de la jaro tiamaniere, ke ĝi havas nek semajnan nomon nek monatan daton; ĝi do restas tute neŭtrala kaj neniel influas la kalkulon laŭ semajnoj aŭ monatoj. Ĉiun kvaran jaron ni havos pluan supertagon (dies bissextus) neŭtralan inter la 30-a de junio kaj la unua de julio. Ĉiu kvartalo komencu per dimanĉo, kio rezultigas ke la monatoj kun 31 tagoj havas 5 dimanĉojn, dum la du monatoj kun po 30 tagoj havas po 4 dimanĉojn. Tiel oni atingas ke iu certa tago ĉiujare havas la saman daton. Se vi naskiĝis, ekzemple, la duan dimanĉon de marto, via naskiĝtago ĉiujare estas dimanĉo kaj montras la daton de 14-a de marto.

Triono el ĉiuj proponoj similas al tiu projekto de profesoro Grosclaude.

*Dua Grupo.* Por atingi tute egalajn monatojn, oni apartigas la jaron en 13 monatojn po 28 tagoj. Tiamaniere ĉiu monato havus kvar semajnojn kaj la datoj ankaŭ ĉiam estus la samaj. Ekzemple: la unua tago estas dimanĉo, la lasta nepre estas sabato, la tria lundo de ĉiu monato portas la daton de 15-a, k. t. p. Sed bedaŭrinde la nombro 13 ne estas dividebla kaj oni ne plu povus, sen gravaj malkonvenaĵoj, kalkuli per kvartaloj kaj semestroj. Tamen por la komerco, la bankoj, la instruado ktp. oni nepre bezonas tian kalkuladon. Fine 13 monatoj po 28 tagoj ankaŭ sumas 364 tagojn, kaj oni bezonus kromtagon kiel por la proponoj de la unua grupo. Estas do neverŝajne ke tia solvo havos la konsenton de la popoloj.

*Tria Grupo.* La proponoj de ĉi tiu grupo plene rompas la nunan tempokalkuladon kaj neniel atentas la astronomiajn postulojn. Unu projekto, ekzemple, proponas jaron de 1000 tagoj kun dek monatoj po 100 tagoj. Ni do havus dum unu jaro tri printempojn, tri somerojn ktp., sed la komencdatoj de la sezonoj neniel koincidus. Tiaj projektoj tute ne estas konsiderindaj kaj oni povas miri, ke ekzistas utopiistoj, kiuj kapablas elpensi tian sensencaĵon.

*Kvara Grupo.* Tiu ĉi grupo konsistas el proponoj, kiuj sin okupas speciale pri la fiksigo de la Paska festo aŭ pri la enkonduko de la 24-hora tempokalkulo. Plej ofte oni postulas ke Pasko estu fiksata je la unua aŭ la dua dimanĉo de nuna aprilo.

Depost la decido de la svisa registaro kunvoki diplomatan konferencon, la cirkonstancoj multe ŝanĝis kaj la homaro posedas nun en la Ligo de la Nacioj grandan kaj influriĉan organizaĵon, kiu devus serioze okupiĝi pri la demando, kaj kiu ankaŭ havas la potencon, kune kun la religiaj aŭtoritatoj, fine solvi la problemon.

Esperu ni, ke la reformo de la Gregoriana Kalendaro kaj la fiksigo de la Paska festo tre baldaŭ efektiviĝos, kaj ke ĉiuj popoloj de la tuta civilizita mondo povos kalkuladi la tempon laŭ la sama maniero. Tio multe helpos al la paca laboro en la mondo.

*J. Schmid*, Bern.

---

**La protokolo de la ĝeneva konferenco en franca lingvo kiel raporto por lernejaj aŭtoritatoj estas havebla ĉe UEA kontraŭ du respondkuponoj.**



## SCIENCO



# Mova kaj fluga organo

Oni instruis al ni, ke la birdo flugas per helpo de la flugiloj, kaj direktas sin per la direktiloj t. e. per la vostaj plumoj. En ĉi tiu konvinko mi travivis longajn jarojn, ripetante fidele tiun ĉi teorion al aliaj. Nur antaŭ nelonge mi spertis tute ion alian.

Mi ekvidis tra la fenestro, kvazaŭ iu ĵetus ŝtonon sur la tegmenton, kaj poste kvazaŭ simila ŝtono falus de la tegmento sur la straton. Mi estis certa, ke la stratobuboj aranĝis tiun ŝtonĵetadon al la kolomboj, kion ili kutimis fari.

Tamen mi konvinkiĝis, ke mi eraris; ĝin faris la paseroj, kiuj kun granda rapideco jen surflugis la tegmenton de mia unuetaĝa domo, jen malsupreniĝis sur la straton kvazaŭ falinta ŝtono. Mi tuj ekpensis, ke per helpo de la flugiloj la pasero ne kapablas tiel rapidege supren nek malsupren-flugi kaj ke tiuokaze devas io alia ludi la ĉefan rolon.

Nu, la paseron mi flankelasas kaj ekobservas la pli karakterizan flugon de akcipitro.

Ni scias ke tiu ĉi birdo, por elserĉi akiraĵon, supreniĝas tre alten, kaj leviĝante super la ĉirkaŭaĵo, rondflugas. Dum ĉi tiu rondflugado ĝi kutime preskaŭ tute ne movas la flugilojn. Ekvidinte la deziratan objekton ĝi ĵetiĝas kiel sago sur ĝin, enigas la akrajn ungegojn en la malfeliĉan viktimon kaj kunportas ĝin.

Tie ĉi mirigis min du momentoj dum kiuj la akcipitro preskaŭ tute ne movas la flugilojn: 1-e la rondflugado kaj 2-e la forto de ĵetiĝo sur la akiraĵon. La akcipitro devas do havi iun alian forton, per kies helpo ĝi tion ĉi faras.

La saman forton devas havi ankaŭ la pasero. Ni vidas ĝin kelkfoje, kiel transiĝante de loko al loko, kaj precipe al pli malproksima distanco, ĝi povas ĵetiĝi ankaŭ kun eksterordinara rapideco, kiel ŝtono ĵetita, eĉ ne movante preskaŭ la flugilojn. Kelkfoje ĝi flugas en onda linio, nur de tempo al tempo ekflirtante per flugiloj. — Ni rigardu plie la interbatalantajn paserojn. Kun kia furioza rapideco pelas unu la alian, farante dumfluge diversajn turnojn! Per helpo de la flugiloj kaj direktiloj mem ne estus eble al ĝi plenumi tiujn subitajn evoluojn. Do ne flugiloj mem agadas tie ĉi; iu alia forto puŝas ĝin antaŭen kaj faras ĉiujn turniĝojn.

Tiuj diversaj flugdirektoj ŝajnigas al ni, ke iu nevidebla mano portas la birdon kaj ofte post bela, kun gracieco farita evoluo sidigas ĝin tien, kie ĝi deziras. Kaj ĝi sidiĝas tute certe kaj sendanĝere sur la antaŭvide elektita loko, eĉ se ĝi estus la plej maldika branĉeto.

La kolombo ofte kutimas dumfluge ankaŭ haltigi la movadon de la flugiloj, kaj malgraŭ tio ĝi povas daŭrigi la flugon ĉu rekten ĉu ŝanĝadi la direkton diversflanken. Ĉe tio oni povas ekrimarki la profundan spiradon, kiun sekvas la pli forta, unuece ritma antaŭpuŝado de la korpo.

Similajn spertojn mi faris dum flugo de korniko, monedo, hirundo, cikonio kaj de ĉiuj konataj birdoj.

Kiel bela estas la flugo de hirundo! Kiel lerte kaj vigle flugetas ĝi, turniĝante tuj jen dekstren, jen maldekstren, jen supren, jen malsupren, dume la nomitaj korpaj antaŭpuŝoj, kvazaŭ ĵetiĝoj diversflanken estas facile distingeblaj. Ĉu ĝiaj flugiloj kaj forkosimila vosto plenumas tiujn mirindajn kaj lertegajn movojn? Jes, ili helpas al ĝi, sed la ĉefa kaŭzo de tiuj movoj estas alia forto.

Kaj la cikonio? Ĝi, supreniĝinte en altajn regionojn, povas ankaŭ tre longan tempon rondiradi super la ĉirkaŭaĵo, ne movante la flugilon. Io devas ja tiam agitadi, se la flugiloj ripozas.

La alaŭdo finkantinte sian kanton sub nubetoj, falas teren per pli granda forto, ol se ĝi falus morttrafita.

Ĉu ni ne vidis, kun kiel furioza rapideco forkuras la birdoj, terurigitaj pro subita ekpafo aŭ pro io alia? Ĉu por tiu rapideco sufiĉus la flugiloj? Certe ne. Ni scias cetere, ke la movado de la flugiloj efektiviĝas supren malsupren, kaj ne tiel, kiel la remiloj de boato de antaŭe malantaŭen — kaj tiu movado, tio estas la depuŝiĝo de malsupre supren, helpas nur por supreniĝi kaj teniĝi en dezirata alteco super la tero.

Simila afero estas ĉe la aeroplano. La helicoj tiras ĝin antaŭen kaj la plataĵoj subtenas ĝin en la aero. Se la unua aŭ la duaj rompiĝas, la aeroplano falas teren.

Kaj nun ni observu la insektojn. Ili havas ankaŭ flugilojn por flugadi, sed ili ne havas kiel birdoj direktilojn. Malgraŭ tio ili povas bonege ŝanĝadi la flugdirekton laŭ plaĉo. Ni vidas tion ĉe ĉiu flugila insekto.

Kaj kiajn movojn oni povas ekrimarki? Tre malofte tute rektajn, sed plej ofte ili turniĝas diversflanken.

Ekzistas unu speco de kampa muŝo, kiu dumfluge haltas en la aero kaj post momento ĝi tuj ĵetiĝas jen dekstren jen maldekstren, por ree ekhalti kaj ripeti la similan ĵetiĝon. La sama flugo estas videbla ĉe la libelo, simila al la akrido.

De tio sekvas, ke la birdoj ne bezonas nepre la vostajn plumojn por ŝanĝi flugdirekton, ĉar ĝin kaŭzas io alia t. e. la sama forto, kiu ĉe la insekto. La senvosta pasero flugas ja ne malpli bone ol tiu kun vosto.

La birdo disetendas ofte la voston dum la flugo, sed nur por faciligi al si la sinapogon per ĝia disvastigita surfaco sur la aero; ĝi helpas ankaŭ dum supren- aŭ malsuprenflugo.

La cititaj observoj kaj perceptoj pruvas, ke ĉiuj nomitaj estaĵoj posedas krom la konscio la apartajn organojn por movo kaj flugo kaj necesan energion de la volo, kiu tiujn organojn movas.

Ĉi tiu energio depende de la volo movas tiujn partojn de la movoorgano, kiuj kaŭzas la movojn de postulata korpoparto, ekzemple de la flugiloj, kapo, piedoj, kolo, vosto, ktp., ĝi povas do efektivigi iradon, kuradon, saltadon, sidiĝadon, leviĝadon, flugadon kaj aliajn movojn.

Ĉi tiu organo estas ne io alia ol speco de radioj, kvazaŭ nevideblaj nervoj eteraj aŭ fluidaj, elirantaj el volo kaj penetrantaj la korpajn, fadensimilajn, movajn nervojn, kiuj disetendiĝas tra la tuta korpo ĝis la supraĵo de la haŭto. Tiujn radiojn trairas, kvazaŭ elektra fluo, la vola energio, kiu, kuntiriĝante kaj distiriĝante, movigas la movajn nervojn, tiuj ĉi la ligitajn kun ili muskolojn kaj per ili la diversajn korpopartojn. Tio ĉi fariĝas laŭ plaĉo de la konscio kaj laŭ ĉiu gesto de la volo.

Apartaj nervoj formas la flugorganon. Ankaŭ tiu ĉi restas sub influo de la konscio kaj la volo. Ĝia agado fariĝas same kiel ĉe la mova organo: La volo kun pli aŭ malpli granda forto — laŭ bezono — eligas el si la energion, tiu ĉi kuras tra la radioj en la nervojn, kiuj sub ilia influo kaŭzas dum la flugo pli malpli fortan antaŭenpuŝon de la korpo. Per tiu ĉi organo faras la birdo kaj la insekto ĉiujn ŝanĝojn de la flugdirekto.

Ĝi fariĝas sammaniere, kiel ĉe la homo, celanta fari pli malproksiman salton. Li tiam kuntiriĝas, poste eltiras ĉiujn fortojn, streĉiĝas, forpuŝiĝas de la tero kaj trasaltas ian distancon. Simile faras la birdo. Ĝi ankaŭ streĉiĝas, eltiras la fortojn kaj, forpuŝiĝinte de la aero per la flugiloj, ŝovas sin antaŭen. Kelktempe ĉe iuj birdoj eĉ dum pli longa tempo ĉesas la movo de la flugiloj; la antaŭpuŝado mem sufiĉas al ili.

Ju pli forta estas la strečado dum tiu ĉi antaŭpuŝado, des pli rapida sekvas la flugo.

Ĉi tiu organa mekanismo de la flugo troviĝas en la antaŭa parto de la korpo, kaj tiun ĉi taskon ŝajnas plenumi la nervoj per helpo de la birdaj pulmoj. Estas mirinde, ke la fizikajn, videblajn movojn kaŭzas nevidebla energio laŭ vola ordono.

Alimaniere oni ne povas imagi al si la flugan procedon.

Estas birdoj, kiel ekzemple hirundoj, kiuj senlace povas tutajn tagojn flugadi; tamen iuj birdoj post malmulta flugado tre laciĝas. Ni vidas do, ke ne ĉiuj birdoj havas la egale fortan flugorganon.

La fiŝoj havas ankaŭ ion similan. Ili ankaŭ ne estas sen energio por movado kaj antaŭenŝovado. Ni ĵetu nur la ŝtonon tie, kie la areto da fiŝoj amuziĝas, kaj ni tuj ekvidos, kiel rapidege ili forkuras. Tiun ĉi rapidecon ili ne povus fari per helpo de naĝiloj mem.

Kiel forkuregas la baleno, trafita per harpuno! Ĉu ne per helpo de simila antaŭpuŝiga organo?

Kaj la homo? Li ankaŭ moviĝas; li ne povas do resti sen la sama organa mekanismo kiel ĉe la birdoj. Ni iradas, saltas, laboras, portas, tiras kaj multegajn farojn plenumas, uzante por tio la movan organon kaj volan energion depende same de konscia plaĉo kaj pli malpli forta volo.

Da fortoj kaj energio ni havas sufiĉe, sed mankas al ni ofte la volo aŭ la bone ekzercitaj muskoloj, por venki diversajn penadojn. La fervoro estas tio, kio faciligas ĉian laboron kaj malfacilaĵon, ĝi multigas fortojn kaj cetere kapabligas nin.

Se ni piediras, havante gravan kaj urĝan aferon, ni sentas en nia brusto antaŭpuŝadon, kiu faciligas al ni la vojon, faras nian iradon malpli peza.

Ĉiuj bestoj moviĝas; ili devas do ankaŭ posedi la movan mekanismon.

Kaj la araneo, kiu eligas aŭtune la araneaĵon, suprenirĝante kun ĝi en la aero, ĉu ĝi ne helpas al si per sama energio kiel la birdo dumfluge?

Iuj movoj, komence post pripenso efektivigitaj, estadas post kelkfoja ripetado laŭinstinktaj, senpripensaj, laŭkutimaj. Estas evidente, ke io alia administras kaj gvidas ilin, ne prudento. Tio *io* jen estas la interna konscio de homa spirito, nomata subkonscio. Sufiĉas nur ekdeziri, nur ekvoli, kaj la tuta aparato ekmoviĝas aŭtomate.

La samaj radioj de volo kune kun la nervoj, alirantaj ĝis la supraĵo de la haŭto, havas ankaŭ la sentan kapablon. Ili transigas la eksterajn impresojn al konscio de nia animo.

Ĉu ili eble servas ankaŭ al telekinezio, telepatio kaj intuicio? Ŝajnas al mi, jes. Tiuokaze la radioj plilongiĝas ĉe iuj personoj ekster la korpon en diversan distancon (ili ja estas elastaj — ili povas kun- kaj distiriĝi). Ili kunprenas la volan energion, ofte dependan de nia subkonscio, per kiu al spiritistoj frapadas la tabletoj, moviĝas teleroj aŭ aliaj eĉ pli malproksimaj objektoj. La klarvidantaj personoj povas per tiuj radioj interrilati pense kun aliaj pli malpli malproksimaj, vidi kaŝitajn objektojn, rekoni propran aŭ fremdan malsanon, ankaŭ diversajn okazintaĵojn kaj aferojn eĉ de tre malproksima tempo aŭ loko (ĉe antaŭvidantaj, antaŭsentantaj personoj). Tiuj radioj sentigas al ni kontraŭ unuj simpation, kontraŭ aliaj antipation.

La lastajn frazojn, kvankam ili ne apartenas propre al la temo, mi aldonis, por montri la tutan destinon de la supozeblaj energi*donaj* kaj impres*prenaj* radioj. Tiamaniere ilia ekzisto kaj agado, tiel necesaj, des pli kredeble kaj kredinde evidentiĝas.

*Jan Kaszycki*, Kraków.

---

 SOCIA EKONOMIO 

# Pri la valuto-mizero

La valuto-mizero estas afero pli internacia ol nia kara lingvo, sed en senco malagrabla. La unuj suferas pro tro bona stato de sia valuto, la aliaj pro malaj kaŭzoj. Stranga stato! La ora mezo ne ekzistas! Ĉar ankaŭ tiuj, kiuj estas en la mezo, jam suferas kaj malprofitas, kaj tiuj, kiuj estas en la konvena kaj ordinara stato suferas pro la granda diferenco al la aliaj kun pli aŭ malpli malalta valuto. Do, la valuto similas al la homa korpo; se unu membro malsanas, la aliaj, sanaj, ankaŭ ne fartas bone.

Grava malsano! multaj kuracistoj! nula rezultato! Ĉi la situacio.

Kial tio? Ĉu la kuracistoj ne divenis la radikajn kaŭzojn? Certe, ili bone ekkonis la kaŭzojn, eĉ ili scias la vojon al la resanigado. Sed ĝuste tiu ĉi vojo estas la barilo. Ĝi postulas de la sanaj membroj oferojn profite al la malsanaj. Kaj niaj tempoj tute ne estas oferemaj, nek la popoloj nek la privatuloj. La „sankta egoismo" estas la devizo hodiaŭa. Tie la lastaj kaŭzoj de la malsukcesintaj kuracistoj popolestraj!

Ĉu ekzistas vojo sukcespromesa? Jes! Vojo tiel simpla, kiel la tasko de la Kolumbusa ovo. Ĉi tie la vojmontrilo:

1. Estas kreota internacia monsistemo.

2. Estas kreota internacia moninstituto, kiu valoras por ĉiuj landoj kaj popoloj.

3. Ĉiu popolo ricevas de tiu moncentro la monon bezonatan al la internacia komercado laŭ la jenaj kondiĉoj. Ĝi ricevas:

a) Krediton sen certiga deponaĵo mezurota laŭ la nombro de la enloĝantoj.

b) Krediton aldonan sen deponaĵo laŭ la industria kaj komerca forto, bazita sur la stato de la nuntempo.

c) Krediton garantiitan per oro aŭ aa) la publika (ŝtata) posedaĵo, bb) la publikaj impostoj kaj limdepagoj, cc) per hipoteka deponaĵo de privataj posedaĵoj, ĉio taksite laŭ la orvaloro.

Ĉu oni iros tiun simplan vojon? Necesas nur bonvolo kaj justeco ĉie kaj ĉien. Ĉu tiuj ekzistos? Mi timas, ke dua Diogenes vane serĉus ilin per lanterno!

Dr. *Vogt*, Bankisto.

---

# ❁ NOTOJ ❁

**Internacia ekspozicio de Fotografarto.** Dum la monato Aŭgusto 1922a la Reĝa Societo de Fotografaj kaj Sciencaj Studoj de Antwerpen organizos internacian ekspozicion, al kiu ĝi invitas partopreni precipe neprofesiajn fotografamantojn de la tuta mondo. Oni petu la regularon en Esperanto al la citita societo, adreso: Poŝta Kesto 763, Antwerpen. La delegitoj kaj grupoj estas petataj konigi tiun informon per la lokaj fakaj gazetoj kaj asocioj.

**Metia Ekspozicio** okazas en München de majo ĝis oktobro. Esperantajn klarigojn donas la „Gewerbeschau 1922", Theresienhöhe 4.

**La Internacia Ligo por Defendo de la Rajtoj de Malgrandaj Popoloj en Genève** havas laŭstatute du oficialajn lingvojn: la Franca kaj Esperanto.

**Strato Zamenhof.** Sekve je nia noto en la novembra Nro paĝo 195, oni komunikis al ni, ke ekzistas Strato Zamenhof ankaŭ en Vitebsk, Dankov, Gdov (Ruslando), Barnaul (Siberio) kaj Rio de Janeiro (Brazilo).

# LITERATURO

## Somera libertempo

Originalo de **Petro Stojan.**

*For de l'urbo, for de l'bruo,*
*Sur la sabla banbordaro*
*Homo ĝuas sub la bluo*
*Freŝan spiron de la maro.*

*Dum la luna monatrondo*
*Li libere ripozadas,*
*Dolĉe revas... kiam ondo*
*Jen bruegas, jen baladas.*

*Longajn horojn sub la suno*
*Li senzorge banas, vagas,*
*Aŭ — kuŝanta sur la duno —*
*Aŭdas maron kaj senagas.*

*Morgaŭ, kiam oriento*
*Reepuran sunon ŝovas,*
*Freŝa mara briza vento*
*Sur la varman teron blovas.*

*Nokte vibras mandolino*
*Kantas li kun kolegaro,*
*Dum la stela ilumino*
*Ronde turnas kun la Ĉaro.*

*Forgesitaj estas: peno,*
*Zorgo, la propanbatalo,*
*Kaj alflugas dia beno,*
*Kovras vivon rozvualo,...*

*Finos tempo de l'libero,*
*Ĉesos dolĉa ripozdaŭro:*
*Al la polva urbinfero*
*Hom' revenos kun bedaŭro.*

* * *

## Stranga songô

de **Asnyk.**

*Mi strange jen sonĝis vespere...*
*Centjaroj iradis per ordo...*
*Vi estis la ondo de l'lago,*
*Mi estis ŝtoneg' sur la bordo...*

*Mi ŝanĝon neniom bedaŭris,*
*El hom' fariĝinte ŝtonaro...*
*Mi sonĝis min esti amata...*
*Postiris centjar' je centjaro*

*Ne estis domaĝe, ke ŝtono*
*Surdiĝis por vort' kaj por ago...*
*Spiritoj ĉirkaŭe parolis,*
*Mi vidis ĉielon en lago...*

*Vi ĉiam ekfalis tremanta*
*Sur bruston de mi el granito...*
*Miljare ni estis ligitaj*
*Per iu komuna spirito...*

*Vi rompis ŝtonbruston pecete...*
*Detruo por mi estis ĉarma!*
*Jen mi antaŭsentis finsorton*
*De ŝtona estaĵo malvarma;*

*Mi sciis, ke kiam ĝisfine*
*Plenumos vi viajn atakojn,*
*Adiaŭdirante al steloj*
*En Viajn ekfalos mi brakojn!*

**Leo Belmont.**

## La Muzikhorloĝo

de Detlev von Liliencron

Antaŭ kelkaj jaroj mi vizitis junan sinjorinon, kiun mi ne estis vidinta iom da tempo. En ŝia patra domo mi travivis multe da gajaj horoj. Nun mi revidis ŝin kiel edziniĝintan virinon. Post la morto de ŝiaj gepatroj ŝi transloĝiĝis kun sia edzo en la hereditan domon. Tie ŝi konatigis min kun sia afabla edzo. Ni interparolas pri tio kaj alia, kiel okazas. Kiam mi volas adiaŭi, venas sinjorino de Wiele al mi: „Vi ree devas rigardi la ĉirkaŭaĵon de la ĝardensalona pordo. Mi rememoras, kiel vi ŝatis rigardi de tie en la malproksimecon."

„Kun plezuro, estimata sinjorino."

Ni tri iras al la pordo. —

„Tio estas Grönsen", diras sinjoro de Wiele.

„La ruĝa malgranda turo?"

„Ne, iom maldekstre; mi petas, trans la pomarbo."

„Ha jes, mi vidas. Sed mankas al mi la beleta preĝejo de Kampen. Ĝi ja staris — —"

„Tiun cindrigis la fulmo dum la pasinta jaro."

„Vi a-an-kaŭ ne estas la plej bo-na",*) subite ludas la malnova rokoko-horloĝo en la vestiblo.

Sinjorino de Wiele iom ruĝiĝis: „Sed, sinjoro doktoro, mi petas milfoje pardonon, ke mi forgesis miajn devojn kiel domomastrino. Vi devas matenmanĝi kun ni."

... kaj la juna sinjorino malaperas.

Pezfalis kiel ŝtono en marĉon, malgranda, beleta, senkulpa historieto en mian memoron.

Baldaŭ ni sidis ĉe la tablo. Sinjorino de Wiele estas gaja kiel antaŭe. La ruĝeco jam de longe foriris.

Hejmirante mi devas iom ridi:

Sinjorino de Wiele, kiam ŝi estis ankoraŭ fraŭlino, kaj mi staris iam dum sufoka posttagmeza horo en la ĝardensalona pordo. Mi rememoris, ke sur la nun forbruligita preĝejo de Kampen estis pendigata la foirflago, kaj ke ni tion observis.

Estis tiel trankvile.

La bela, gracia knabino kuŝis, la diablo scias, kiel okazis, ĉe mia ŝultro.

Estis tiel trankvile.

Mia dekstra mano ĉirkaŭprenis, la diablo scias, kiel okazis, ŝian zonon.

Estis tiel trankvile.

Ni kisis unu la alian.

„Vi a-an-kaŭ ne estas la plej bo-na", subite ludis la malnova rokoko-horloĝo.

El germana lingvo trad.:
*Margarethe Iv. Krestanoff.*

*) Du bist der beste Bruder auch nicht;

# Elegioj de V. A. Koskenniemi,

la plej fama, nobla kaj serenanima finna poeto, du-trifoje premiita de la finna ŝtato. La elegiojn tradukis kun afabla permeso de l'aŭtoro *Joh. Edv. Ruotsalainen.*

## Elegio al Muzo

Al vi sopiras, ho, mia spirit', al la brusto sopiras!
Mi, malfidela al vi, perdis la vojon al vi.
Vian mi voĉon enuas kaj trinki mielon de l'lipoj,
senti, ke ree kantem' fluas en mia anim'.
Kiel senforta sklaveto de l'teraj pasioj mi iris,
vin forgesante de mi serĉis mi ĝojojn de l'ter'
trovis glimbrilan malveron kaj falsan forgeson de horoj,
sed ne la ĝojojn ĉe vi, sed ne la grandon ĉe vi.
Guto, eĉ unu, ne fluis en mian sopirokalikon,
kiun mi levis al mond' al la plezuroj de l'ter',
kaj mi ne aŭdis resonon al peto de l'lipoj sekvarmaj,
kvazaŭ al tuta malplen' flustris mi pri la sopir'.
Inter vanaĵoj, vi blanka, al vi mi relevas okulojn,
sub la katenoj de fals', sub la katenoj de nokt'.
Mian animon kaj koron heligos nur via ekspiro,
nur vi ĉiela, nur vi havas potencon de fort',
vi per feliĉo min kronas kaj bruston plenigas per ĝojo,
agojn festigas al mi, iron dancigas al mi,
donas vi vinon al mia pana o, al larmoj konsolon,
portas oleon de pac' al la bataloj de l' mens'
lasas vi vidi la landojn lazurajn de kantoj kaj kun vi
plena eĉ estas malplen', estas kantanta silent'.
Inter mensogo de l'tempoj vi estas la sola veraĵo,
inter vanaĵoj nur vi estas en nokto hellum'.
Al vi sopiras, ho, mia spirit', al la brusto sopiras.

## Sopiro de Pan

Iĝis maljuna ne Pan, sed la mondo fariĝis maljuna,
jaroj aĝigis jam ĝin, diojn ekkaptis la dorm'.
Amo de Ceŭs ne plu serĉis virginojn surterajn de mondo.
Leda'n virgecon ĝi jam ne alminacis de am'.
Kiel antaŭe ne iris Eroso plu sub la Hespero,
sagojn minacajn de am', pretaj, danĝeraj en l'uj'.
Mezen de nimfoj maljunaj endormis jam Bako lacega,
iĝis de longe jam vin' ranco en lia pokal'.
Brustoj de la nereidoj ne brilis plu en la lagunoj,
en la ludema ondar', treme brilanta de sun'.
Jam ne trovate elŝprucis la font' Helikona plej klara,
ŝprucis en vergarbetar' forgesiĝante sub ombr'.
Oni malofte nun aŭdis, ke sonis kantad' de paŝtisto,
plena je amosopir', plena je junosopir',
al la festen' de junaĝ' amatinon vokante transmondan
sur la ĝermemon de kamp', en la ombraĵon de kverk'
Plore enuis vespere la laŭroj je kapo kroninda,
rememorante, ho ve, pri l'heroaj' de l'antikv',
vane atendis rozaroj la manon lilian, knabinon.
Maljuniĝante la am' belon detruis el mond'.
Tiel solrestis do Pan, la flamanta-korul', en malvarmon,
en la aŭtunon de l' mond' mezen de dorm' de l' diar'.
Konis nek siajn arbarojn plu Pan nek la nubojn ĉielajn,
nek la ŝaŭmarojn de mar', nek la resonojn de rok',
ombran vergaron de kampoj ne konis li kiel hejmejon,
kiel kuŝejon li ne konis muskajojn de val',
voĉon de l'propra birdet', najtingal' li ne konis,
mi is li eĉ pro l'odor' de bonkonata herbar'.
Estis senamaj, senkantaj la noktoj kaj tedaj la tagoj,
ridis neniu sur ter', ploris neniu en mond'.
Tiel solrestis do Pan, mem junec', inter uloj maljunaj,
restis, printempon en brust', meze de morta dezert'.
Kie nun estis la belo kaj varmo kaj ravo kaj ĝojo?
Ekis nur plena malvarm', ekis nur tuta malplen'.
Prenis la fluton nun Pan kaj ekpremis ĝin kontraŭ la lipoj,
neestingebla sopir' muĝis trombonde el brust'.
sonis tra mondon mortindan, trans akvojn, trans kampojn senvivajn,
flugis trans montojn ĝi plu, el la abismoj, el nokt',
sonis trans marojn furiajn, de bordo ĝis bordo ĝi ekis,
sonis plu tra la aer' ĝis la lazur' de l'eter',
sonis trans belon senvivan kaj vokis kaj vokis ĝin reen
landen de nov-Arkadi', landen de nova vivem'.
Kio? ĉu de malproksime timeme respondis jam Eko!
Io sin movis en laŭb', ĉu ja ĝi estis jam nimf'?
Kvazaŭ ploreto aŭdiĝis jen, rido gajeta jen tintis.
Kampojn rekonis jam Pan, fontojn rekonis jam Pan.
Io ekzumis tra venton, ho, kiu flugiĝis sunsagojn?
Sunon rekonis jam Pan, nubojn rekonis jam Pan.
Boskoj fleksiĝis — ja kiu alkuris? Ho, Dafno kaj Febo!
La Arkadion jam Pan konis en sorĉo de l'lud'.
Pan, la flamanta-korul' en aŭtunon de l' mondo solrestis,
restis post dioj kaj eĉ post la antikva belec'.
Iĝis maljuna ne Pan, dum la ter' kaj Olimp' maljuniĝis.
Kreis el sia sopir' nov-Arkadion li, Pan.

## Al mia estinta mio

Plue memoras mi vin, ho, vi mia estinta miaĵo,
kampojn dumknabajn mi vin vidas iranta kun rev',
vojon lernejan paŝanta aŭ pense ridanta vespere
antaŭ fenestro de dom' ostrojn sekvante de l'alt'
kiel ĉi tiuj dum longaj aŭtunaj krepuskoj bruliĝis.
Vi jam dum tempo de lud' zorgojn pripensis de l'ter'.
Konis angoron vi jam de malpleno kaj forton de morto,
homon ne konis vi, ne. Ho, mi memoras ja vin:
pri la odoro la florojn kaj birdojn pri kanto vi konis,
ankaŭ la vermojn de l'ter', iron de l'suno pri musk'.
Tiel proksima al man' de patrin', la naturo, vi iris,
ke vi observis en kor' kiel ĝi kreis kun zorg',
tiel proksima al Li, la lulilo kaj tombo de ĉio.
Spiron de granda natur' sentis vi sur la vizaĝ'.
Fore, forestas vi, mio estinta, kaj vojoj aliaj
nun min kondukas, sed vin konas mi plu en l'anim',
ofte ankoraŭ kunfalas la ombro en vian ombraĵon,
ofte ankoraŭ eĉ nun sekvas vi apud mi min.
Mio estinta, ĉiame ni iru komunan vojeton.
Tiel sub man' de natur' kiel nur povas mondul',
tiel proksima al tero kaj floroj kaj birdoj kaj astroj
kiel vi iris, eĉ mi volas plu iri kun vi.
Kune iradu kun mi al la morto kaj al la malpleno,
sur la surtera irej' min akompanu ĝis tomb'!
Multe pli saĝa vi estas ol libroj kaj homkunularoj,
vi, kiu legis pri viv' arton de kreolabor'.
Inter la homoj kaj inter la mondo kaj inter vanaĵoj
manon de l'firma natur' fortan retrovas ni plu.
Kiam nin kontraŭeksonos la harpoj de l'paco eterna,
milda je via ĉeest' estos la sino de l'mort'.

## Epilogo

Vidu, en via korpaco pasintaj printempoj dormetas,
vidu, la karaj doloroj kaj ĝojoj forestas, forestas!
Milda feliĉo nun loĝas sur viaj tempioj, nokta feliĉo.

Vidu, la morto ekfrapis jam viajn florejojn somerajn!
Noktoj forestas la lumaj kaj spikojn falĉilo ekrompis.
Super dezertaj herbejoj vespere rigardas frostaj astraroj.

Aŭdu, nun kiel sub viaj ekpaŝoj resonas la tero!
Tie, profunde en ter', en utero de nokto ĝi dormas
vivo vekonta al nova feliĉo, somero — vivo eterna.

# TRA LA LIBRARO

**Skizo de la vivo de fama Asociano George Williams,** 1821—1905. Eldona fako de Tutmonda Komitato de la Kristanaj Asocioj de Junaj Viroj. Genève, Svislando. 52+8 paĝoj, 13×19 cm. Prezo: 1,25 Fr. sv.

Ĉiam tre interesaj kaj efikaj estas la biografioj de noblaj homoj. Tia estis la fondinto de la nun tiel nombraj kristanaj asocioj de junaj viroj. La moto de l' libro: „Al grandeco per fideleco", bone resumas lian agadon. La nuna priskribo pri lia vivo estas mallongigo de pliplena angla verko, laŭ ties franca traduko. Bela portreto de l' simpatia homkondukinto ornamas la kovrilon, kaj 8 tutpaĝaj bildoj plibeligas la libreton.

Bedaŭrinde ne tute sufiĉa estis la sperteco de l' tradukinto; li tro sekvis la francan tekston fraze kaj vorte; diversaj gramatikaj eraroj restis; la plej oftaj estas konfuzoj inter „sia" kaj „lia" aŭ „ilia"; duoncenton da ili mi kalkulis. Jen ankaŭ eraraj esprimoj: „Li mem sin interesiĝas — post preĝinte — li estis ne edziĝita." Sube de du bildoj oni legas: „La hejmo kie G. W. vivis dum lia infaneco. — Kavaliro G. W. en korta kostumo; tiu fotografio fariĝis..." Se la libro estos duafoje eldonata, kaj ĝi tion tute meritas spite la ĵus cititaj difektetoj, oni ne forgesu zorgan korekton.
*G. S.*

**For la neŭtralismon.** *Sennaciulo.* Sennacieca Asocio Tutmonda, 23 Rue Boyer, Paris XX. 1922. Volumo 2, 16 paĝoj, 13×19 cm. Prezo: 0,50 Fr. Fr. (Specialaj prezoj por malbonvalutaj landoj.)

Tiuj paĝoj jam aperis en „Esperantista Laboristo", kiun anstataŭis „Sennacieca Revuo". Esperantistoj ĝenerale pledas por neŭtraleco de sia movado. Sennaciulo deziras ekstermi la burĝecajn miasmojn, kiuj putrigas ĝin. Kontraŭkapitalistoj ne povas kunlabori kun aliopiniaj esperantistoj; sed ili povas akcepti ilian helpon kaj profiti ilian laboron praktikante la devizon: „Ni ŝtelu la burĝaron." Krom klarigo pri tiu diskutinda sintenado, el la broŝuro oni povas ĉerpi interesajn rimarkojn: „La sperto montris, ke estas pli facile varbi iun al Esperanto ol fari, ke la varbito iĝu vera praktikanto de la lingvo. — Niaj lingvaj institucioj kuŝas sur nenia jurbazo. — Ili (Akademianoj kaj L. K. anoj) daŭrigu dormeme dejori, kiel gardistoj de la netuŝebleco de l' Fundamento".

Ne ĉiu akceptos la tezojn, sed ĉiu laŭdos la klarecon, precizecon kaj korektecon de l' stilo. Uzo de sufiksoj „end" kaj „io", de prefikso „mis", de novaj vortoj: „direktivo, inventi, latenta" k. t. p. montras lingvan evoluemon, dum konservo de ĥ en „ĥaose" ŝajnas maleca. Ĉu vorto kiel „nekompromisema" ne bone montras la fleksseblecon de Esperanto? *G. S.*

**Kiel oni fondas kaj organizas Esperantan Grupon?** de Prof. H. C. Hans Sappl. Dua plibonigita kaj pligrandigita eldono. Graz. Paulus-Eldonejo. 32 paĝoj, 12×16½ cm. Prezo: 3 M germ.

Ke la unua eldono elĉerpiĝis dum ses monatoj, tio pruvas la utilon de l' verketo. Ni jam diris favoran opinion pri tiu konsilaro. Fondo de grupo, taskoj de komitatanoj, propagandrimedoj, grupa vivo, estas la temoj ekzamenataj; tekstoj modelaj por anoncoj, slipoj, programoj, statutoj, ankoraŭ igas pli praktika tiun rekomendindan „Migru kun mi" de l' esperanta pioniro. *G. S.*

**La Sufero de Germanoj apud la Rejno.** Flensburg 1922. Tradukita de geanoj de la Flensburga Esperantogrupo. 16 paĝoj, 11½×15 cm. Prezo ne montrita.

Tiu broŝureto temas pri kruelaj hontindaj agoj, kies kulpuloj estus afrikaj soldatoj servantaj en la Germana teritorio okupata de Francoj, kaj pri alvoko al ĉiulandaj kulturuloj, ke ili protestu kontraŭ sistemo juĝata netolerebla kaj naskonta terurajn sekvojn.
*G. S.*

**Die Leipziger Mustermesse mit technischer Messe und Baumesse.** 16 paĝoj, 14½×22 cm.

Malgraŭ la germana titolo, tiu prospekto tute en Esperanto estas unu el la plej lukse presitaj tiaj publikitaĵoj; 8 belaj bildoj pri Leipzig enestas. La teksto rilatas al graveco de l' foiro, al ĝiaj diversaj branĉoj, al sciaĵoj utilaj por eksterlanda vizitonto. Notinde estas, ke speciala fako liveras informojn per Esperanto, kaj ke Esperanto-parolantaj gvidantoj estas disponeblaj.

Kelkaj specialaj vortoj aprobindaj estas: „oferti, merkato, vizo, ekspozi" (kies uzo igus arĥaika la fundamentan: ekspozicio); eble „posamento" anstataŭ „pasamento" estas preseraro kaj „transmisiilo" (Verax) aŭ „trasmisilo" estus preferinda al „transmisiono". *G. S.*

**Esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia** de *Unuel.* Bulgara traduko de Iv. H. Krestanov, eldono de Bulgara Esperantista Biblioteko, Sofio. 47 paĝoj, 13×19 cm. Prezo 5 leva.

Jen vere logika kaj konvinkoplena verko. Verkita jam en 1900, la libro, kies Krestanova bulgara traduko estas tute bona, enhavas spertan analizon de gramatikaj kvalitoj de nia lingvo kaj montras per impresigaj ekzemploj la bezonon por la homaro havi internacian, artefaritan lingvon. Ĉiuj argumentoj, ĉerpitaj el epoko kiam Esperanto estas infaneto, estas hodiaŭ des pli konvinkantaj, ĉar ili ne estas plu profetaj antaŭvidaĵoj, sed realaĵoj. Pro tio la verko restos ĉiam juna kaj interesa legaĵo. *N. N.*

# EL AKADEMIO

## Fako pri konkursoj kaj premioj

Dum la vintro 1921—22 la Akademio ne okupis sin pri premiado, ĉar ĝi ricevis nur unu verkon por ekzameno kaj eventuala rekompenco. La kaŭzo estas sendube, ke nek aŭtoroj, nek eldonistoj sufiĉe informiĝis pri la Regularo. Utile estas do ĝin denove publikigi kaj konigi al la esperantista publiko. — (Por eviti senutilan elspezon al aŭtoroj kaj eldonistoj: la rekompenco estas nur honora.) La sendado de la libroj estu farata jenamaniere: Kun la prezento oni sendu:

1 ekzempleron al la Prezidanto de la Akademio: Prof. Th. Cart, 12 rue Soufflot, Paris.

1 ekzempleron al la Direktoro por Konkursoj kaj Premioj: D-ro E. Privat, 2 chemin de Roches, Genève.

D-ro *Edmond Privat.*

## Regularo pri verkoj rekompencotaj de la Akademio.

1. La Akademio rekompencas ĉiujare kelkajn verkojn rimarkindajn laŭ stila rilato.
2. La nombro de la kronitaj verkoj ne superos kvin (5).
3. Oni rajtas proponi por la rekompenco tradukojn, sed originalajoj estos preferataj de la Akademio.
4. La prezentataj verkoj devas esti publikigitaj en la lasta jardeko.
5. Nur libroj, kia ajn estas ilia amplekso, aparte eldonitaj, sekve ne gazetaj artikoloj, nek manuskriptoj, estas prezenteblaj.
6. Verkoj de Akademianoj ne estas rekompenceblaj.
7. La rajto de prezentado estas rezervita al la membroj de la L. K., kiuj rajtas proponi ĉiu po du verkoj, kun konsento de la aŭtoroj.
8. La proponoj, montrante tre klare kaj precize la titolon de la verko, la eldonejon kaj la daton de la unua apero, devas esti sendataj al la C. Oficejo (51 rue de Clichy, Paris) *antaŭ* la 1. de Marto...
9. Akademia komisio elektos, post la legado de ĉiuj proponitaj verkoj, la dek plej bonajn.
10. La plena Akademio, post raporto de la komisio, elektas la 5 rekompencotajn.

# Lingvaj Studoj

## Pri riĉeco de lingvoj

Oni taksas riĉon de lingvo laŭ nombro de ĝiaj vortoj. Tiamaniere oni notis ke angla lingvo es as riĉa je 200.000 vortoj kaj la buŝmena je 400. La kalkuloj tiaspecaj, eble precizaj en ĉiu aparta okazo, ne povas esti kompareblaj, ĉar ili bazas sur konfuzo de malsamaj aĵoj.

*Le Petit Larousse,* modela manlibro kun literatura vortaro, enhavas ĉ. 60.000 vortojn, *Le Littré* enhavas pli ol 1,000.000 da francaj vortoj. Rusa Akademia Vortaro (komencita en la 1892, atinginta literon L en 1916, kaj finota eble en 1930 aŭ 1940) devos ampleksi je 4,000.000 rusaj vortoj. Tiuj lastaj du verkoj estas kvazaj arĥivoj kun vortoj popolaj, ĵargonaj, provincaj, dialektaj, metiaj, artaj, teknikaj, sciencaj, malnoviĝaj kaj novevenintaj. Nature, krom la radikvortoj, ili enhavas ĉiuspecajn kunmetitajn kaj derivitajn vortojn, esprimojn, parolturnojn, mallongaĵojn...

Se iu volus presigi plenan E. vortaron kun ĉiuj kunmetaĵoj, li de l'unua paŝo konstatus neeblon kaj senutilon de tia entrepreno. Ekz., estus sensence presigi en plena vortaro *adjektivojn* (abata, abela, abia, abisma...) apud la substantivoj. Estus absurde enmeti ĉiujn nombronomojn, ekz. kvincent, kvindek, kvin mil... ĝis milionoj kaj miliardoj, ĉar ili ĉiuj estas laŭbezone formeblaj el la 14 radikoj. Tamen tiajn absurdojn parte faris la aŭtoroj de la grandegaj naciaj vortaroj.

En la vortaro de lingvo rajtas eniri ĉiuj radikoj kaj elementoj unuavice, kaj duavice ĉiuj kunmetitaj vortoj kiuj ne estas memkompreneblaj. Ĉio alia, kvankam fakte uzata aŭ uzita, estas senutila ŝarĝo, balasta amaso, kiun neniu rigardas, neniu profitas.

En poŝvortareto franca-serba, eldonita en 1918, mi trovis: *hermétiquement* apud *hermétique, hiérarchiquement* apud *hiérarchique, mortellement* apud *mortel, progressivement* apud *progressif,* k. m. a. Sed tiu balasto okupis lokon de vere necesaj vortoj kiuj ne eniris la saman libreton: *avion, poilu, cinéma, bécane, gosse, basset, atterir, soupe, souper, sourd, soupirail, sourcil,* k. m. a.

Tia ĥaoso kaj nekonsekvenco estas kutima en naciaj vortaroj, kaj tiurilate E. montras novan, plisanan vojon al vortaristoj de ĉiuj nacioj.

Ni klare vidis ke kruda nombro da vortoj ne povas esti mezuro pri la riĉeco de la lingvo. Des pli ke temas nur pri komuna kaj poezia lingvaĵo. Multaj nekulturaj popoloj ne uzantaj ombrelojn kaj ne konantaj ŝakon — nature ne havas en sia buŝa vortaro vortojn pri ombrel-fabrikado kaj terminojn de ŝakludo, tamen ilia lingvo povas esti riĉa en nomaro de parenceco, de loka kreskaĵaro aŭ de gentaj ritoj. Ĝenerale, la lingvo reflektas la vivon, kaj popoloj kun multeflanka kulturo havas vortarojn pli ampleksajn, ol la senkulturaj gentoj. Internacia lingvo, kiu devas reflekti vivon de ĉiuj nacioj de l'tero, certe estos plejriĉa lingvo en la mondo.

Riĉo povas esti akirita per preno el fremda trezoro aŭ per propra laboro. De l'unua speco estas riĉo de angla lingvo, transportita plejparte el la latina, greka, franca, itala .. kaj amase ĵetita sur la propran anglan lingvobazon. De l'dua speco estas riĉo de rusa kaj germana lingvoj, ĉar plej plejparte ĝi konsistas en kunmetaĵoj forĝitaj el propraj elementoj.

Esperanto estas tiurilate ankoraŭ plimalproksimen paŝinta. El siaj 2771 fundamentaj radikoj ĝi kreis pli ol 50.000 vortoj jam komune uzitaj buŝe kaj skribe, kaj ĝia vortokrea povo estas senlima kaj kapablas produkti laŭbezone milionojn da novaj kunmetaĵoj, kopiantaj la naciajn vortojn aŭ tute originalaj.

En la § 42 de la *Ekzercaro,* Zamenhof donis, por ekzemplo, 52 vortojn derivitajn el la radiko *san',* kaj lia serio ne estas ankoraŭ plena. En nuna, prepara periodo de E., kiam ni devas altiri eŭrop-amerikajn klerulojn, ni toleras milojn da vortoj kaj centoj da radikoj, tro konataj por homoj de grekolatina civilizo. Tamen, post la definitiva alpreno de L. I. kun la tempo, interna potenco de E. aperos en mirinda kreado de novaj vortoj, originalaj, belaj, formitaj el fundamentaj elementoj, kaj tiam la neutilaj greko-latinaĵoj defalos for de E., kiel malnova ŝelo de acero printempa.

Sklavo de arĥaikaj lingvoj, longe tolerinta ilian pezan kirason, estonta Esperanto liberiĝos de la malnoviĝa ŝarĝo, kiu iĝis ĝeno kaj malhelpo, post utila servado kiel armaro, — kaj montros sian neelĉerpeblan riĉon, kaŝitan en mirinda povo krei, per siaj fortoj kaj el propra korpo, senfinan serion da vivaj vortoj, plensencaj, organike ligitaj kun la ĉefkorpo kaj adaptitaj al ĉiuspecaj nuancoj kaj sencgradoj.

*Petro Stojan, LK.*

---

### Teknika vortaro

Fako: Sciencoj aplikataj
Subfako: Inĝenierarto
Sekcio: Publiklaboroj

La esperanta tradukado de la Schlomann'a teknika vortaro — Vol. VIII estas komencita de post la 1 de februaro. Jen la listo de la kunlaborantoj:

Angla lingvo: S-oj Gueritte, (London); Padfield, (Bath); Lechmere-Astel, (Hampton Wick)
Holanda: Isbrücker, (Gravenhage)
Dana: Taŭmose, (Köbenhavn)
Germana: Mengele, (Fürth), Scholze, (Reichenberg); Schneider, (Praha)
Ĉeĥa: Vrbata, (Praha); Kroužil, (Brno); Erhart, (Plzeň)
Itala: Saggiori, (Padova)
Hispana: de Allende, (Bilbao)
Franca: Huline, (Vienne); Cozic, (Vincennes); Mermier, (Paris); Tiard, (Paris)

### Finlerni (ellerni), finlegi (tralegi)

En nian internacian lingvon enŝoviĝis kelkaj naciismoj, kiujn ni devas forigi. Tre ofte ni parolas: *ellerni,* kaj tiu ĉi esprimo estas simpla naciismo. „Ellerni" signifas laŭsence: lerni el io, kaj ni uzas tiun ĉi esprimon „ellerni" por diri, ke ni finis la lernadon do, ke ni lernis ĝis la fino, unuvorte ke ni finlernis. Anstataŭ diradi mallogike „ellerni", ni uzu do la vorton *finlerni,* kiu estas vere internacia.

Same ni parolas tre ofte *tralegi.* Logike kaj laŭsence signifas tiu ĉi esprimo, ke oni legas tra io, simile kiel trairi signifas iri tra io. Kaj tamen uzante la vorton tralegi, ni ne volas esprimi, ke ni legis tra io, nur ke ni legis ĝis la fino, do ke ni finlegis. Anstataŭ: *tralegi* ni devas do uzi vorton *finlegi.* *L. Kronenberg.*

### Traduku la sencon

Oni ne sufiĉe atentigos la esperantistojn pri la neceseco traduki la *sencon* sed ne la *vortojn* de naciaj esprimoj. Ĵus ni havis okazon legi du laŭvortajn tradukojn por sama afero kiuj sen kono de la franca kaj germana lingvoj neniel estos kompreanataj:

*Oficejo de la Iniciata Sindikato!*
*Oficejo de la Trafika Unuiĝo:*

Tiuj laŭvortaj tradukoj de *„Bureau du Syndicat d'Initiative"* kaj *„Verkehrs-Verein Büro"* nenion signifas en Esperanto.

Sperta esperantisto tradukos por ambaŭ la sencon:
*Fremdula Informoficejo* aŭ *Turista Oficejo* kaj ĉiuj komprenos.

### Problemo de l'internacia skribo

Unueco de l'internacia lingvo estas baza kondiĉo, sen kiu ĝi ne povas normale funkcii kaj plenumi sian rolon de l'intergenta komunikilo. Oni konas ja gravan kondiĉon de l'Esperanta elparolo kiu devas esti la sama en malsamaj fonetikaj medioj, kaj kiun unuformigas niaj universalaj kongresoj, spite je la antaŭdiroj de iuj filologoj malamikaj. kiuj parolis pri balda disfalo de nia lingvo pro elparola ĥaoso.

Kiel la fonetika unueco, same grava estas skriba unuformeco en literata Esperanto. Ke la malglataĵoj ekzistas — tion scias ĉiu korespondinto kun anoj de malproksimaj nacioj; precipe tion spertis la redaktantoj. En la skribaĵoj venantaj de ĉiuj partoj de la terglobo la plimulto da esp. literoj estas skribata sammaniere. Sed estas fakto ke almenaŭ unu triono da ili estas skribata diversmaniere, laŭ la nacieco de l'skribinto. Ĝenerale, tiu diverseco — verdire superflua — ne malhelpas la komprenon, nur komplikigas ĝin. En apartaj okazoj tamen naskiĝas konfuzo kiu ofte kaŭzas erarojn. Plejofte okazas bedaŭrinda similo por la paroj: LZ KR IJ GS FT ft rz. Germanoj diferencigas L de Z per streketo sur Z, dum francoj pli klare ilin malsamigas, skribante L sen supra hoko, kaj pro tio ili ne bezonas trastreki Z. Fine, tre ofte franco skribas Z idente je la germana L. Poloj kaj aliaj najbaraj nacioj skribas z kiel r, precipe en la rapido. Ordinare, la konataj nomoj kaj la kunteksto permesas al redaktanto korekti la konfuzigan literon, sed kiom malfaciliĝas lia tasko kaj la peno de kompostisto!

Mi iam studis tiajn erarojn en la iama Tutmonda Jarlibro, kie ili svarmas, precipe en adresoj de germanaj, rusaj, finnaj kaj polaj samideanoj. Kaj tamen ili ne estas preseraroj: la kulpo ne venis pro kompostista aŭ korektista malzorgo! Mi eĉ rimarkis: Lamenhof (Zamenhof), Gand (Sand), Fambov (Tambov) kaj multege da similaj eraroj. En la Fund. Krestomatio oni jam notis preseraron Seleznet (Seleznef) — nomon de konata esp. poeto.

Estas strange, tamen fakto, ke la profesoroj de franca lingvo en Balkanaj kaj Or.-Eŭropaj landoj instruas la lingvon kun nefranca skribmaniero, nome — skribante francajn literojn kiel ili skribas la latinajn, t. e. germanmaniere. Kaj tiu apero vidiĝas ne nur ĉe profesoroj neniam vizitintaj Francion, sed ankaŭ ĉe la longtempe loĝintaj en landoj de la franca lingvo. La lastaj — pro tiel nomata psika blindeco — tute ne rimarkis aŭ ne atentis veran francan skribmanieron, tiom forta estis hipnozo de l'kutimo enradikiĝa.

En mia „Ornitologia Oklingva Vortaro" eldonita litografie mi devis solvi la problemon, almenaŭ por mia verko, kiu aperis en formo manskribita. Por la solvo mi studis tipojn de skribado uzante ĉiunaciajn leterojn en vasta arĥivo de l'petrograda societo „Espero" kaj elektis la mezon, samtempe penante pleje diferencigi la konfuzigajn literparojn, kaj restante en limoj de eŭropamerika fakta skribado. Mi akcentas *fakta*, ĉar la lernolibroj kaj abcolibroj ofte donas fantaziajn kaligrafiajn modelojn de manskribaj literoj, kaj por tiuj modeloj servas nur literaro praktike trovebla ĉe la presisto! Ni esperu ke nia akademio fine proponos modelan tipon de manskribado, kiun volonte sekvos ĉiu progresema samideano.

*Petro Stojan, LK.*

---

# ESPERANTISTA LITERATURA ASOCIO

*Julio-Aŭgusta raporto*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

„Esperanto estas artlingvo." „Fiere ni ripetas kaj akcentas ĉi tiun tezon, ĝi estas scienca aserto ne refutebla. Necese kaj dezirinde estas, ofte diskutadi ĉi tiun temon. La nobla artaĵo ESPERANTO multe diferenciĝas de ĉiuj aliaj lingvoj de la homaro. Ili ja ĉiuj evoluis iom post iom kune kun la konstanta, intersekva evoluo de la homaro, lingvo fariĝis la plej alta akiraĵo en la senfina, senlima, mistera mondo de la vivaĵoj. Pro tio la homa lingvo estas kvazaŭ organismo, ĝi nepre devas suferi similajn ŝanĝojn kiel ĉiuj aliaj naturaĵoj, oni eĉ trovis la leĝojn, laŭ kiuj ĝi senĉese kreskas, ŝanĝiĝas kaj evoluas. Ĉi tion sciis la genia elpensinto de Esperanto, L. L. Zamenhof. Kun profeta antaŭsento li sciis, ke li devis protekti sian artaĵon kontraŭ la leĝo de la ŝanĝemaj naturorganismoj, arta lingvo ja estis parolota de ĉiuj parolemuloj sur la tuta terglobo. Modeste li mem rezignis je ĉiu ŝanĝo de la donita bazo. Treege laŭdinda estas ĉi tiu prudenta postulo, kaj estus tre bedaŭrinde, se oni ne kontraŭstarus la ŝanĝeman inklinon de kelkaj fervoruloj. Ĉiu klera samideano, kiu proponas reformojn de l'Esperanto, senvole subtenas la juĝon de la du famaj lingvoscienculoj en Leipzig, Leskien kaj Brugmann. Ili malaprobis la ideon de mondlingvo ĉefe pro tio, ke ĝi ja suferos ŝanĝojn kiel aliaj lingvoj, kaj ke ĝi tial per si mem perdos sian universalecon. Ni rememoru ĉi tiun juĝon, ĝi avertu ĉiam denove je reformemuloj." Ĉi tiujn valorajn eldiraĵojn ni dankas al nia fervora samideano, pedagogo Bernhard, Dresden.

Esp. Lit. Asocio tre danke akceptas la al ĝi senditajn gazetojn. La redaktoroj de la gazetoj petas la kolegaron, sendi al ili kontrolitajn de E. L. A. verkojn, por ke ili ne restadu en tirkestoj. En Budapest reviviĝos la gazeto: „La Verda Standardo" sub la nomo: „Nia Mondo." S-roj Julio Baghy kaj Paŭlo de Lengyel redaktos kaj prilaboros ĝin. Monsendoj por ĝi estas pageblaj al la Allgemeine Deutsche Creditanstalt, Filiale Dresden por Konto de Ungarische Allgemeine Creditbank, Budapest por s-ro Paŭlo Balkanyi, Budapest VI, Hojos u 15.

Kvankam ni ofte malkonsilas la aperon de nova gazeto, ni devas konstati, ke ĝi pruvas la vivon de Esperanto en sia lando. Ni tion povas diri pri la „Konkordo" (estinta „La Provo"). Ni esperu, ke ĝi havas tian financan kaj redaktoran bazon, ke ĝia pluekzisto estas garantiata por longa tempo. Ĝi estas bona, malgranda nacia gazeto, al kiu ni deziras baldaŭan plimultiĝon de la abonantaro-amplekso. Adreso de la redaktejo: Zagreb, Jugoslavio, Jezuitska I, ĉe D-ro Dušan Maruzzi.

Tre atentinda estas la „Verda Utopio", regule al ni sendata el Japanujo (5265 Uehommachi VII Minamiku, Osaka). Ni ĝoje legas en ĉi tiu gazeto la interesajn artikolojn de Inocento Ŝeriŝev. Multaj el ni memorigas pri li, la siberia pastro, kiu aperigis antaŭ la milito bonegan verkon pri „Siberio". La sorto forpelis nian fervoran kaj simpatian samideanon el lia norda hejmo al la suda regiono de Japanujo. Malfacile estas tie vivadi, sed nia kuraĝa pastro venkas ĉiujn malfacilaĵojn, li fariĝis heroo kaj seninterrompe vigle laboras por Esperanto. Li nun portas japanan veston kaj kaŭrante sur planko skribas siajn artikolojn pri japana karaktero kaj moralo. Ni vidis de li fotografaĵon: li, en japana longa kostumo, kaj apud li lia lernanto, japana studento en eŭropa vestaro — surpriza aspekto.

Ni havas la plezuron citi tri bonajn al ni senditajn librojn.

1. „El Esperanto" (hispane) kun esperanta gramatika aldono. De Enrique Legrand en Montevideo, Uruguai. Tiu ĉi pionira verko certe tre utilos al nia afero. Ĝi helpos disvastigi Esperanton en tiuj regionoj.

2. „Krioj de l'Koro" de Salo Kornfeld (Jaslo, Polujo). La malgranda kolekto da originalaj poemetoj montras, kiel bone nia lingvo taŭgas por esprimi la sentojn de sincera kaj delikata animo. Tiamaniere artlingvo fariĝas vivanta lingvo!

3. „Devoj de la Homo." De Giuseppe Mazzini; el Itala lingvo tradukis Mikaelo Arabeno, Genova, Laborista Esp. Grupo, via S. Luca 4—2.

La treŝatata novelisto en Estonujo, T. Tuglas, al s-ro H. Seppik donis permeson, traduki Esperanten liajn verkojn, sen ia kondiĉo.

La aŭtoro estas la fama patrioto, konata kiel helpanto de Garibaldi. Li sin turnas en sia libro al la italaj laboristoj, kiuj estis al li tre karaj, al ili li donas idealan leĝaron etikan kaj kulturan. Liaj ideoj estas ankoraŭ nun valoregaj, ni varme rekomendas ĉi tiun tre legindan libron.

Aliĝis: D-ro Rudolf Hiekel, Leitmeritz, Ĉeĥoslovakio.
S-ro Henriko Seppik, Tellin, Maneŝi 7—12, Estonujo.

*Marie Hankel*, Dresden, Nicolaistr. 18.

##  TRA LA FILATELIO 

Inter la pasioj, kiujn la homo en civilizitaj landoj pleje ŝatas, la kolektado de io ajn, estas sendube la ĉefa okupado eksterprofesia. La organizitan, metodan kaj sisteman kolektadon ni konas el muzeoj kaj galerioj kie la materialo servas al la komuneco. La persona kolektemo direktiĝas ĉefe al libroj, moneroj, plantaĵoj, mineraloj, insektoj kaj multaj aliaj objektoj, ofte strangaj, iafoje eĉ ridindaj. Tiun sencelan kolektemon la humoristo Mark Twain sprite ridindigas en sia „Rakonto de l'agento".

La plej populara, universala kaj ŝatata kolekto-sporto estas tiu pri la poŝtmarko. Reĝo kaj laboristo, knabo kaj maljunulo studento kaj profesoro, eŭropano, aziano aŭ amerikano; ĉie, kie la civilizado estiĝis kaj per ĝi poŝtservo laŭ moderna principo, oni renkontas kolektantojn de poŝtmarkoj. Ĉe la komenco de la nuna tiom disvastigita sporto oni mokis kaj ridis pri tiuj „*infanoj*", kolektintaj paperpecetojn. Hodiaŭ, la poŝtmarkkolektado estas ne sole grava komerca fako, sed ankaŭ granda spirita ĝuo, nemankanta je eminenta instrua flanko.

Multaj samideanoj inter ni estas kolektantoj kaj utiligas la lingvan konon interŝanĝante kun fremdlandaj filatelistoj. Diversfoje ni ricevis inviton organizi rubrikon pri filatelio; mankis ĉu tempo ĉu loko aŭ kunhelpantoj. Per tio-ĉi ni komencas tiun novan rubrikon esperante favoran akcepton. Ni invitas je kunlaboro; por ke la enhavo ne fariĝu seka kaj nura listigo de novaj aperoj ni preferas mallongajn notetojn legeblajn ankaŭ de nekolektantoj. Laŭ ebleco ni publikigas artikoletojn pri specialaĵoj; personoj pretaj je kunhelpo bonvolu sin anonci ĉe la redakcio. Ĉiu komuniko pri ĉi tiu rubriko estu sur speciala folio.

**Ruslando.** Depost la dua revolucio en 1917 la komuniko kun Ruslando estas interrompita kun multaj landoj; malofte oni ricevis korespondaĵon kaj kiam tio okazis oni avide rigardis pri la afranko. Komence estis eluzitaj malnovaj provizoj, ne jam detruitaj; la vere taŭga propagandilo kiun prezentas poŝtmarko ne estis malatentata de la komunista registaro kaj ĝia poŝta administrado. La nunaj markoj reprezentas plej alegoriajn bildojn de nuna reĝimo; en pli detala artikolo ni priskribas la nuntempajn markojn, ne forlasante la provizoraĵojn de diversaj registaroj kontraŭrevoluciaj. Citinda estas la alteco de ciferoj sur nunaj markoj; ekzistas tiaj kun 5000, 7000, 10.000, eĉ 22.500 rubloj da valoro.

**Reklamo per poŝtmarko.** Poŝtmarko, idee kaj teknike plaĉa estas ĉiam reklamilo por koncerna lando; kiu ne konas la belan serion de Bosnio-Hercegovino kun ravaj bildoj (moskeo de Sarajevo, ponto Narenta en Mostar, lago de Jajce k. t. p.)? Sed propagandon por certa entrepreno oni ne ankoraŭ faris per regulaj poŝtmarkoj. La germana poŝtadministrado eldonis serion da ses valoroj pri la metia ekspozicio en München 1922. La desegno montras la emblemon de München kaj tekston supre Deutsche Gewerbeschau München 1922, malsupre Deutsches Reich. Tuta serio: 1, 25, 2, 3, 4, 10 kaj 20 Mark.

**Japanio.** Nova serio aperis; ĝis nun estas eldonitaj tri valoroj, servantaj por la eksterlanda afranko. La bildo montras la Fuji monton, krizantemon kaj flanke ornamentojn el antikva japana kulturo. La valoro estas indikata dulingve angle kaj japane. 4 Sen (verda) 8 Sen (ruĝa) 20 Sen (blua).

**Malpermeso de interŝanĝo.** La germana fakgazeto (Sammler-Woche) informas, ke la interŝanĝo estas malpermesata de la rusa registaro. Laŭdire la komisariejo por ekstera komerco volas mem organizi la vendon je la profito de l'ŝtato. Oni avertas ne fari sendaĵojn, ĉar ili povus estis forprenataj de l'poŝta kontrolo. (Noto: Ni tre dezirus ricevi de rusaj legantoj aŭtentikan informon pri tiu-ĉi iom neverŝajna komuniko).

**Interesaj stampoj.** La *belga* poŝto senvalorigas la markojn, krom per la ordinara ronda stampilo, per kvarangula kun teksto: Dover-Ostende, The quickest route to the continent 2 Services daily. (Dover-Ostende: Plej rapida vojo al kontinento: 2 veturoj tage). (Letero el Antwerpen).

*Newfoundland:* Stampo: „Have You contributed to the War Memorial".

*Auerbach i. V.* (Saksio) Gardinen-Stickereien-Weisswaren-Spitzen (Kurtenoj-Brodaĵoj-Mercero-Puntoj).

*Basel:* Schweizer Mustermesse Basel 22 April—2 Mai 1922. *H. J.*

# Feriaj interŝanĝoj

Laŭtempa propono de Prof. D-ro Ledermann-Nürnberg.

La someraj ferioj alproksimiĝas kaj miloj da samideanoj ĉiulandaj plezurege pakus siajn kofrojn por pasigi kelkajn semajnojn en eksterlando, se la teruraj vojaĝkostoj ne estus. La veturado mem, la mastrumado kaj dumnoktado en la hoteloj, la multaj kromaj neeviteblaj elspezoj sumiĝis en la lastaj jaroj tiom, ke eĉ la riĉulo devas limigi sian vojaĝemon, des pli la neriĉulo. Tamen la deziro viziti refoje fremdajn landojn kaj studadi tieajn homojn kaj cirkonstancojn, estas pli forta ol iam, ne nur ĉe unu popolo sed ĉe ĉiuj. Sed kiel forigi la financajn malfacilaĵojn kaj trovi vojon por realigi la vojaĝprojektojn de la feriuloj?

Samaj interesoj, laŭproverbe, kunigas la samcelanojn. Bone, *kunigu vin, diverslandaj vojaĝemuloj, farante interkonsenton pri reciproka, kompensa gastigo por kelkaj semajnoj!* Franca samideano ekz. vojaĝu al belga amiko, angla al holanda, germana al itala ktp., kaj la gastiginto poste restadu samlonge kaj samkondiĉe ĉe sia gastigito. Eĉ geedzoj povus tiusence interkonsenti. La multnombraj avantaĝoj de tia reciproka aranĝo estas ja evidentaj. Unue ĝi signifus treegan financan plifaciligon; ĉar trovante serkostan restadejon ĉe gastamiko, oni devus pagi ĉefe nur la vojaĝbileton. Krom tio oni havus la feliĉigan sentadon, loĝi sendanĝere ĉe samideana familio, kaj interkompreniĝi ne penplene, sed facile kaj ĉiurilate. Ankaŭ spirite tiaj feriaj interŝanĝoj alportus ŝatindan profiton, perante okazon por ekkoni elfunde fremdajn landon, lingvon, homojn, kutimojn kaj naciajn specialaĵojn. Restadante en iam malamika lando, oni baldaŭ ekkonus, ke ankaŭ tie troviĝas hone taj kaj ŝatindaj homoj, kaj malŝatante la malamajn dirojn de la ŝovinistoj, la gastigito, post reveno en sian hejmlandon, povus multe kontribui al la interpopola repaciĝo kaj interfratiĝo. Kaj ĉiujn tiujn financajn, spiritajn kaj moralajn agrablaĵojn de fremdlanda restadejo oni povus ĝuadi bonkonscience, senĝene kaj bonhumore, rememorante, ke ja baldaŭ prezentiĝos bonvena okazo por kompensi al sia kara gastiginto ĉiujn amikaĵojn kaj amindaĵojn en propra hejmo.

Bonege, diros verŝajne multaj legintoj. Sed kiel trovi konvenajn traktemulojn? Nu, mi provos fari praktikajn proponojn ankaŭ tiurilate. Por la nuna jaro sufiĉus anonci sian pretecon pri reciproka gastigo en internaciaj ĉeforganoj (Esperanto, Esperanto Triumfonta) aŭ en la esp. ĉefgazeto de la vizitota lando. Supozeble alvenos baldaŭ akceptaj deklaroj. Por eviti postajn malagrablaĵojn, oni nun informu sin per la delegito de UEA pri la fidindeco de la gastigota persono*). Se la informoj estas kontentigaj, ĉiuj pluaj detalaĵoj kaj deziroj estu ordigataj rekte kun la estonta gasto mem, ekz. pri daŭro de la restado, mastrumado, lito, lokaj vivkondiĉoj, vidindaĵoj ktp. Tre bone estos kompreneble, ke inter la traktontoj estu sufiĉa simileco rilate al aĝo, profesiaj kaj ekonomiaj cirkonstancoj. Pri la reciprokaj spertoj oni raportu poste en la gazetaro. Seniluziiĝoj tiamaniere apenaŭ estas timeblaj. Se la feriaj interŝanĝoj bone prosperis ĉi-jare, en venontaj jaroj oni starigu, eble sub aŭspicioj de UEA, specialan centrejon same kiel ekzistis antaŭ la milito simila aranĝo en Parizo, nome la „Societo por internacia interŝanĝo de infanoj kaj junuloj", kiu celis malmultekostan eksterlandan restadon kaj havis laŭdire tre kontentigajn rezultojn.

Mi estas certa, ke la proponita aranĝo en la nunaj cirkonstancoj trovos viglan eĥon en ĉiuj landoj, ke iom post iom multe da esperantistoj volontege uzos ĝin, ke lastfine nia tuta movado multon profitos per tiaj peresperantaj interŝanĝoj.

*) Art. 65 de la Statuto malpermesas tiajn petojn. C. O.

# ESPERANTISMO

## XIV. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN HELSINKI (Finnlando), 8—16 aŭgusto 1922.

*Naŭa kaj Deka komunikoj.*

**Oficialan informon pri la XIV Universala Kongreso de Esperanto** sendis la Finnlanda ministerio por eksterlandaj aferoj per la Finnlandaj legacioj al la eksterlandaj registaroj por diskonigo al interesatoj.

**Alveturo al Finnlando.** Ŝanĝitaj prezoj: *Svedujo.* El *Stockholm* — al *Helsinki.* I:a kl. S-kr. 68:—, II:a kl. S-kr. 56:—, III:a kl. S-kr. 44:—. Ĉio sen manĝo. El *Stockholm* — al *Turku-Åbo.* I:a kl. S-kr. 64:—, II:a kl. S-kr. 48:—, III:a kl. (sen kajuto) S-kr. 36:—. Ĉiuj prezoj sen manĝo. Al *Stockholm* el *Helsinki.* I:a kl. Fmk. 264:—, II:a kl. Fmk. 216:—, III:a kl. (sen kajuto) Fmk. 132:—, ĉiuj sen manĝo. *Åbo-Stockholm* neŝanĝitaj. En II kl. sur la ŝipo „Rügen“: *Stettin-Helsinki* 3.200 Gmk; *Helsinki-Stettin* 600 Fmk; *Korekto. Tallinn-Helsinki:* nur iro aŭ reveno kostas ne 800 Fmk. sed 80 Fmk.

**Novaj vojoj:** *Latvio.* El *Riga* al *Helsinki* ekveturos la ŝipo *„Mailand“* sabaton la 5. VIII je la 5 posttagmeze kaj reen ĉiumerkrede je la 2 nokte. Lokoj I, II, III, po 20. Prezoj: I Fmk 400:—, II 340:—, III 220:— (lasta sen manĝo). *Tre malkara veturebleco* por tiuj, kiuj intencas resti en Finnlando pli longe ol estas eble partoprenante en Lübeka karavano: *Holtenau* (Kiel-kanalo)-*Helsinki* per „Arcturus“ (la 5 an de aŭgusto frumatene) aŭ „Astraea“, ĉiusabate frumatene. Prezo III kl. 280 Fmk. kun lito kaj manĝo. Reveturo ĉiumerkrede, sama prezo. Agento: Gläcke & Henning, *Holtenau.*

*Estonio.* Tallinnaj samideanoj luis specialan ŝipon *„Kungla“* kiu alportos la kongresanojn el *Tallinn* (Reval) al *Helsinki* kaj reen. Prezoj: iro kaj reveno por la anoj de esp. societoj de Estonio Emk 900:—, por la eksterlandanoj Fmk 150:— (35:— fr. fr.); nur iro Tallinn—Helsinki aŭ nur reveno Fmk. 80:— (20:— fr. fr.); Kongresanoj kiuj volas uzi la Tallinnan linion estas petataj pagi almenaŭ duonon de la biletprezo tuj ĉe la mendo de la loko. Sin turni al „Espero“, Tallinn. Postkast 6.

**Praktikaj rimarkoj:** *Kontinento. Germanojn* kaj aliajn kongresanojn de kontinento, kiuj intencas revojaĝi tuj post la kongreso, ni konsilas elekti la Lübekan vojon. Sin turni al karavangvidanto s-ro Heinrich Selmer, Lübeck. Falkenwiese 11.

Al kongresanoj, kiuj volas resti en Finnlando post la kongreso por partopreni la ekskursojn, ni rekomendas la Stettinan linion.

*Britlando.* Gvidanto de britoj estas nun s-ro H. Moy Thomas, adr. 142 a, Camberwell Grove S. E. S. London. Ĉiuj kongresanoj de la Brita imperio, ankaŭ tiuj, kiuj ne volas uzi la rektan marvojon, bonvole sin turnu al s-ro Thomas, ĉar li sola zorgas pri ĉiuj vojaĝaj aferoj. Li kolektas la mendojn de ŝiplokoj kaj gvidas la britan karavanon tra Germanio.

**Mendojn de ŝiplokoj** akceptas: En *Britlando* s-ro H. Moy Thomas, adreso supre, solreprezentanto. Mendo okazonta tiel frue, ke li povas ĝin transdoni al la reprezentanto de la ŝipkompanio en Hull ses semajnojn antaŭ la ekveturo. La alvetura prezo pagota kun mendo.

*Lübeck,* s-ro H. Selmer, Falkenwiese 11. Detalojn petu rekte de li.

*Aliaj havenoj.* Mendo ses semajnojn antaŭ ekveturo ĉe la reprezentanto de la ŝipkompanio. Ĝis tiu tempo la ŝipoj, kiel ankaŭ tiu el Hull, estas rezervitaj nur por kongresanoj. Pago de parto de la vojaĝprezo estas rekomendata, por certigi al si lokon.

*Reprezentantoj: Stettin,* por Ariadne: Gustav Metzler; por Rügen: Rudolf Christian Gribell. *Kopenhago:* Franck & Tobiesen. *Stockholm:* AB Nyman & Schultz.

**Atentu.** Reveturajn biletojn por ĉiuj linioj kaj tempoj, ekster la Lübeka karavanŝipo zorgos L. K. K. Mendo alvenonta ses semajnojn antaŭ reveturo, kun pago almenaŭ parta. Kompreneble ni akceptos mendojn ankaŭ post la fiksita templimo, sed sen garantio pri certa ricevo de loko en la dezirata veturvico.

**Pri la lokoj:** La kajutoj de I kaj II klaso estas por 2—6 personoj. Geedzoj volu frue mendi la malgrandajn kajutojn. En III kl. estas tre multaj litoj en granda ŝipkelo; la kongresanoj estas tamen speciale rajtigitaj tage restadi sur ĉiuj ferdekoj kaj en ĉiuj salonoj de la ŝipoj. — Se la Lübeka ŝipo servos kiel hotelo, ĝi estos tre proksime al la kongresejoj.

**Antaŭkongresoj.** Vidu specialan rubrikon en ĉi tiu n-ro.

**Postkongresoj.** *Tallinn.* La klubo „Espero“ en Tallinn aranĝos unutagan postkongreson. La kotizo estas fiksita je Emk.50:— Detalojn oni informos poste. Samtempe sciigas la „Espero“, ke vojaĝo al Ruslando estas farebla tra Tallinn.

**Policanoj.** Kelkaj dekoj de Helsingforsaj policanoj lernas Esperanton.

**Al eldonistoj.** La solrajton pri vendo de literaturo kaj paperaĵoj en la Kongresejo havas OY. Movado AB. Bonvolu vin turni al ĝi je la adr. Kasarmink. 20, Helsinki.

**Fakaj kunsidoj.** Abstinuloj, Blinduloj, Fervojistoj, Filatelistoj, Foiroj, Inĝenieroj kaj Teknikistoj, Instruistoj, Juristoj, Ĵurnalistoj, Katolikoj, Komercistoj, Kooperativanoj, Kristanoj, Kuracistoj, Laboristoj, Liberpensuloj, Malgrandnaciuloj, Pacifistoj, Poŝtistoj, Sciencistoj, Skoltoj, Spiritistoj, Sportistoj (labor. burĝ.), Stenografistoj, Studentoj, Teozofoj kaj Framasonoj, Vegetaranoj kaj Ĉastemuloj. Adr.: ĉiuj ĉe la L. K. K. aŭ kiel sekvas: *Vegetaranoj,* aranĝanto Finnlanda Vegetara Ligo adr. ĉe L. K. K.

*Sciencistoj,* kaj kuracistoj, med. kand. Lauri Lappi adr. ĉe L. K.K.

*Filatelistoj,* Finnlanda Filatelista Ligo, sin turni al Lauri Laiho, Pietarinkatu 8. D. 29. Helsinki.

*Abstinuloj,* (Ligo por alkoholmalpermeso, 500.000 anoj), adr. *Kieltolakiliitto,* Helsinki.

*Studentoj,* Studenta Esperantista Societo, adr. med. kand. Lauri Lappi ĉe L. K. K.

*Liberpensuloj,* Adolf Nurmi, Töölön Sokeritehdas. Helsinki.

*Poŝtistoj,* Olli Launis, Laivurinkatu 41, Helsinki.

*Fervojistoj,* H. Salokannel adr. Stacio Laihia.

Krom tio estas planataj fakaj kunsidoj por instruistoj, katolikoj, inĝenieroj, komercistoj, stenografistoj, kaj jurnalistoj. Aranĝanton ni indikos poste.

**Klimato kaj temperaturo.** Somera klimato de Helsinki estas agrabla, duonmara. Meza temperaturo dum julio + 17 C, dum 1—16 aŭgusto + 15·8 C. Do la sama kiel en norda Germanujo, Nederlando kaj ĉe la Kanalo. Por mara vojaĝo estas necese kunpreni varman mantelon.

**Banlokoj en Finnlando.** Ĉar kelkaj kongresanoj demandis pri banlokoj de Finnlando, ni jene donas mallongan informon pri kelkaj plej gravaj. Laŭ deziro ni volonte sendos pli detalajn sciigojn pri iu difinita banloko.

*Hanko (Hangö),* sur marbordo de Finna Golfo. Ĉiuj modernaj kurac-kaj banmetodoj uzataj. Specialajoj: basenoj kun konstante trafluanta varmigita marakvo, Naŭheima karbondioksida bano, ŝlimmasaĝo, elektrokuracado. Precipe konvena por kormalsano, neŭrastenio, arteriosklerozo, diabeto, ren-kaj virinaj malsanoj ktp, Tuberkulozulojn oni ne akceptas. Bonega „Casino“, okazo por ĉiuspeca amuzaĵo. Societvivo nedeviga.

*Naantali (Nådendal)*, bela antikva urbeto, ŝirmata de bela marinsularo. Ĉiuj modernaj banmetodoj. Specialaĵoj: Nådendala ŝlimomasaĝa kaj pinena banoj. Konvena por reŭmatismo, neŭrastenio, kor-kaj virinaj malsanoj ktp. Dimanĉe muziko. Bela bordopromenado.

*Lovisa*, sur marbordo de Finna golfo. La vivo en la urbo modesta, ne tro ŝarĝita per amuzaĵoj. Specialaĵo: radioaktiva fontakvo. Konvena por reŭmatismo, kor-, ren- kaj virinaj malsanoj ktp. Muziko ĉiutage. Infektaj malsanuloj ne akceptataj.

*Savonlinna (Nyslott)*. Urbo kun antikva kastelo inter belaj lagoj. En proksimeco i. a. la fama turistloko Punkaharju. Oni uzas ĉiujn modernajn kurac-metodojn. Okazo al boat- kaj ŝipetvojaĝoj sur la insulriĉaj lagoj.

*Heinola*. Belega enlanda banloko, ĉiuj modernaj metodoj uzataj. Malgranda urbeto en vere ĉarma lagregiono. Klimato kaj grundo tre favoraj.

*Runni*. Ferenhava fontakvo. Multe vizitata banloko en kamparo, en belega enlanda lagregiono.

*Prezoj: Kuracista honorario*, laŭ daŭro de la kuracado, por la tuta somero ĉ. 150 Fmk. — *Banpagoj* dependas de la nombro kaj speco de banoj, po semajno 18—90 Fmk. *Pago por masaĝo* 60 Fmk. po semajno. *Sezonpago:* bangastoj 10—25 po semajno, ne-enskribitaj gastoj 25—40 Fmk. po semajno. *Loĝejo:* 400—2.000 por la tuta sezono. *Manĝo:* 125—200 Fmk. semajne. *Sezono:* de la unuaj tagoj de junio ĝis la lastaj de aŭgusto.

**Atentu.** Ĉiuj aliĝintoj kaj aliĝantoj estas petataj kiel eble plej baldaŭ informi la L. K. K. pri 1. la dato kaj linio de alveno, 2. deziroj pri loĝigo kaj ekskursoj kaj 3. pri partopreno en fakaj kunsidoj.

**Kunprenu** laŭ ebloj nacian kostumon, nacian kaj Esperantan standardon. Personoj, kiuj povus pruntericevi de esperantaj societoj standardojn por ornami la kongresejojn, bonvolu havigi ilin kaj antaŭe informi nin pri tio.

**Vojaĝado en Finnlando** estas nun presata kaj pretiĝos ĝis fino de junio.

**Demandaro.** Por precize scii la dezirojn de la kongresanoj, ni sendis al ĉiuj aliĝintoj specialan demandaron, kiun ni petas tuj plenigi kaj resendi.

**Pasportaj aferoj.** Kompletige al la antaŭa sciigo ni informas, ke la senformalaĵa vizo estas ricevebla por maksimume 2 monata restado en Finnlando. Por pli longa restado estos necese peti permeson de guberniestro. — La vizkosto en Berlino estas Gmk. 350 (kaj ne 50).

**Grava faciligo.** Kune vojaĝantaj personoj (ekz. anoj de sama societo ktp.) kiuj povas ricevi kolektivan pasporton de siaj aŭtoritatoj, *ricevas* ankaŭ *la vizon kolektive*, pagante nur kiel por unu persono. Sola kondiĉo: samtempa transiro de la landlimoj.

**Novaj aliĝprezoj.** *Markoj:* Finnlandaj 75·—, Germanaj 90·—, Litovaj 90·—, Estonaj 225·—, Polaj 750·—. *Kronoj:* Svedaj 30·—, Danaj 30·—, Norvegaj 30·—, Ĉekoslovakaj 90·—, Aŭstriaj 450·—, Hungaraj 225·—. *Frankoj:* Francaj 37·50, Belgaj 37·50, Svisaj 30·—. *Levoj:* Rumanaj 90·—, Bulgaraj 90·—. *Diversaj monunuoj:* Brita imperio 30·—, Nederlando 18·—, Hispanio 30·—, Italio 45·—, Grekio 120·—, Jugoslavio 120·—, Latvio 225·—, Usono 6·—.

**Ekzameno por supera diplomo.** Kaŭze de peto de kelkaj eksterlandanoj, Esperanto Instituto de Finnlando aranĝos laŭeble kaj espereble kune kun Germana kaj Brita esperanto-institutoj ekzamenon por personoj, kiuj volas akiri la superan diplomon. La skriba verkaĵo devas alveni minimume 2 semajnojn antaŭ la kongreso. Postuloj de Esperanto-Instituto de Finnlando riceveblaj laŭ peto.

**Ekskurso al Petsamo.** Ĉar tre malmultaj personoj enskribis sin por tiu ekskurso, ni devas lasi ĝin kiel ilian privatan aferon. La interesatoj povas ricevi ĉiujn necesajn informojn de S-ro *Honoratus Bonnevie*, Bergslian g. 11. II. *Kristiania, Norvegujo*, kien ili devas alveturi plej laste la 15an de julio por alveni sufiĉe frue al la kongreso. Tamen se ili deziras vidi la meznoktan sunon, ili devas esti en *Vardö* plej laste la 16an nokte, kaj pro tio elveturi el Kristiania la 10an. En Petsamo donas konsilojn S-ro V. Holopainen, telegrafrevizoro.

**Programo de la XIV.** L. K. K. proponis al K. K. K. sekvantan programon: 8/8 kunsidoj de L. K., K. K. K., laŭ nacioj, fakaj kunsidoj, interkonatiĝa festeto. 9/8 Diservoj, solena malfermo, fakaj kunsidoj, kantkoncerto (ambaŭseksa ĥoro). 10/8 Laborkunsido, kunsido de U. E. A., festo en Nacia Teatro. 11/8 Laborkunsido, fotografado, komuna tagmanĝo. 12/8 Kunsido de U. E. A., fakaj kunsidoj, kantkoncerto (virĥoro). 13/8 Ekskursoj. 14/8 Laborkunsido, fakaj kunsidoj, kostumbalo. 15/8 Kunsido de U. E. A., fakaj kunsidoj. 16/8 (matene) Solena fermo, ekskursoj, adiaŭo.

**Novaj aliĝoj:** La ĝisnunaj aliĝintoj estas el sekvantaj landoj: Estonujo 96, Britlando 70, Germanujo 48, Ĉekoslovakio 48, Pollando 31, Italio 27, Nederlando 25, Aŭstrio & Francujo po 18, Svislando & Svedujo po 11, Hungario 10, Belgio 7, Litovio & Danlando po 5, Latvio 4, Hispanio 3, Jugoslavio 2, Rumanio, Aŭstralio, Alĝerio po 2, Norvegio, Usono, Kanado, Venezuelo, Urugvajo, Turkio, Japanlando, Ruslando po 1, Finnlando 304. Entute 757 aliĝintoj el 30 landoj.

**Helpkongresanoj:** entute aliĝis 53 helpkongresanoj.

**Garantia kapitalo:** entute Fmk. 17,900.

**Donacoj ricevitaj de L. K. K.** entute Fmk. 72,193:66.

**Blindula kaso:** Por la eldona kaso de la blindaj esperantistoj entute Fmk. 1783:52.

**Dogano.** — Ni klopodas por plej facila kontrolo ĉe la elŝipiĝo. Samtempe ni atentigas, ke alkoholaĵoj ne estas vendataj nek importeblaj en Finnlando kaj ni avertas plej severe la kongresanojn ne provi kontrabandon!

*La Loka Kongresa Komitato.*

Adreso: Poŝta (ankaŭ por monsendoj): XIV. kongreso de Esperanto, Helsinki, Finnlando. Telegrafa: Esperanto, Helsingfors.

---

**Antaŭ preso ni ekscias ke la karavano per speciala ŝipo Lübeck—Helsinki ne okazos. La antaŭkongreso en Lübeck tamen okazos kaj ebligos la foriron al Helsinki per la regulaj finnaj vaporŝipoj irantaj el Lübeck, Stettin aŭ Holtenaŭ.**

**Oni rimarkigas al ni ke por vojaĝi al Danzig necesas havi polan vizon La pola konsulejo en Genève konfirmis al ni tiun fakton. Ni miras ke la aranĝantoj de la antaŭkongreso en tiu urbo ne aludis je tiu formalaĵo.**

---

## Kongresa kalendaro.

Vojaĝo tra Stettin — legu detalojn en ĉi-tiu numero.

31. julio — 1. aŭgusto. — Kunveno en Berlin. D taloj aperas en ĉi tiu gazeto.

2. aŭgusto. — Kunveno en Hamburg. Vidu rubrikon „Antaŭ- kaj postkongresoj“.

3.—5. aŭgusto. — Antaŭkongreso en Lübeck. Vidu aprilan n-ron.

4.—6. aŭgusto. — Antaŭkongreso en Danzig. Vidu majan n-ron.

**8.—16. aŭgusto XIV-a Universala kongreso kaj VIII. kongreso de UEA en Helsinki.**

18? aŭgusto. — Postkongreso en Tallinn (Estonio). Neniu detalo aperis.

18.—19. aŭgusto. — Postkongreso en Stockholm. Detaloj aperas en ĉi tiu n-ro.

21.—22. aŭgusto. — Postkongreso en Kjöbenhavn. Vidu junian kaj julian n-ron.

Laŭ tiu ĉi tabelo oni povas konstati, ke ok lokoj volas altiri la kongresanojn antaŭ aŭ post la XIV-a kongreso kaj ni tre bone komprenas la malŝaton de la L. K. K. pri tiuj tro multaj kunvenoj, kiuj distras la atenton de la kongresanoj pri la ĉefa celo de ilia vojaĝo: Helsinki.

# ANTAŬ- KAJ POSTKONGRESOJ

## Vojaĝo tra Stettin

Multaj partoprenontoj de la XIVa kongreso en Helsinki sendube ŝipveturos de Stettin al Finnlando. Al ili mi donas jenajn informojn pri la duhelica ŝipo „Rügen“:

*Alveturo* sabaton, la $5^{an}$ de aŭgusto je la $4^{a}$ ptm; Alveno en Helsinki lundon, la $7^{an}$ de aŭg. tagmeze. Prezoj: Ia klaso (kun manĝo) 5000 Mk (germ.) plus aldono por unuopa kajuto 400 Mk; IIIa kl. 4000 M (kun manĝo); inter-ferdeko 2000 M (sen manĝo).

*Reveturo* merkredon la 16/VIII. je la $1^{a}$ tm.; alveno en Stettin vendredon antaŭtagmeze. Prezoj: Ia kl. 900 Fmk, aldono por kajuto 75 Fmk; IIIa kl. 750 Fmk; inter-ferd. 350 Fmk (sen manĝo).

Fervoja elveturado de ĉiu flanko tre oportuna. Kiu tamen devas aŭ volas pasigi nokton en Stettin, tiu estas petata kiel eble plej baldaŭ skribi al mi siajn eventualajn dezirojn rilate al hotelo aŭ senpaga noktgastigo ĉe samideanoj (en malgranda nombro), la precizan tempon de sia alveno en Stettin ktp. La aranĝon de malgranda salutvespero nia grupo dependigos de la cirkonstancoj. Alvenante en nia stacidomo atentu verdan flagon aŭ Esperantan afiŝon. — Pro la ŝipvojaĝo per „Rügen“ mi rekomendas antaŭmendon ĉe la ŝiparanĝejo Gribel, Stettin, Gr. Lastadie 56 aŭ ĉe lia agento M. Balzer, Berlin, Jägerstr. 20 aŭ ĉe iu ajn porvojaĝa kontoro.

Rektoro *Krieger*, Stettin, Klosterhof 23,
$1^{a}$ prezidanto de la Esp.-Verein Stettin.

## Esperanto-Tagoj en Berlin

($31^{an}$ de Julio kaj $1^{an}$ de aŭgusto.)

La partoprenontoj de l'antaŭkongreso en Lübeck kaj de l'XIV. Universala Kongreso de Esperanto en Helsinki havos okazon kolektiĝi en la granda metropolo Berlin por kune veturi Hamburg'on.

Tial la Berlin'a esperantistaro plej kore invitas la samideanojn venontajn el sudaj landoj — (Ĉeĥoslovakio, Polujo, Aŭstrio, Hungarujo, Rumanujo, Bulgarujo, Jugoslavio, Italujo ktp.) restadi unu aŭ du tagojn en la interesa kaj vidinda urbego Berlin.

Provizore ni donas jenajn informojn:

1. Lundon la $31^{an}$ de julio okazos: antaŭtagmeze: gvidado tra Berlin; posttagmeze: ekskurso per vaporŝipo al Potsdam (kasteloj kaj parkoj de Sanssouci); vespere: gaja babilvespero en koncertĝardeno.

2. Mardon la $1^{an}$ de aŭgusto: antaŭtagmeze: gvidado tra Berlin kaj antaŭurboj; posttagmeze: vizito al granda magazeno kaj kaftrinkado en ĝardeno; vespere: komuna manĝo kun oficiala akcepto de Berlinaj ĵurnalistoj.

3. Merkredon la $2^{an}$ de aŭgusto: matene: forveturo al Hamburg kaj Lübeck.

La Berlin'a samideanaro ĉion bone organizos kaj zorgos pri loĝado en hoteloj ktp. —

Bonvolu do atenti la jenajn petojn:

*a)* Sendu vian skriban aliĝon al „Esperanto-Verband Berlin“, per adreso de S-ro Joh. Schwaiger, Berlin-Steglitz, Zimmermannstr. 6. (Ne forgesu aldoni al via letero internacian respondkuponon!)

*b)* Antaŭsendu al la sama adreso la sumon de 100'- Markoj germanaj (en „rekomendita“ letero, ĉeko de germana banko, naciaj aŭ germanaj monbiletoj).

Ĉi-tiu antaŭ-pago estas necesa, por ebligi la preparadon de loĝigo, gvidado, ekskurso, manĝoj ktp. kaj estos enkalkulata en la tutaj kostoj. Kompreneble ni provos aranĝi ĉion komforte kaj plejeble malkare.

*c)* Anoncu vian partoprenon plej malfrue ĝis la 22a julio! kaj skribu sufiĉe frue, kiam precize vi alvenos. *E. W.*

## Kunveno en Hamburg

okaze de la travojaĝo de la Helsinki-Kongresanoj la $2^{an}$ de aŭgusto
(Etapo al la Internacia antaŭkongreso en Lübeck)

Dumtaga renkontejo depost la $10^{a}$ h.: Restoracio „Alsterlust“ ĉe Lombardsbrücke. (Laŭdezire tie ankaŭ okazos komuna manĝado). Ĉe la renkontejo oni ekmarŝos diverstempe kaj grupope por rigardi la vidindaĵojn de la urbo, ekz. Elbtunelo, haveno (rondveturo), Alster (rondveturo), muzeoj, centro de la urbo, je la $19^{1}/_{2}$: *Germana biervespero* kun oficiala bonsaluto al la eksterlandaj gastoj, je la $23^{a}$: daŭrigo de la vojaĝo al Lübeck. NB. Eksterlandanoj ĝustatempe anoncu sian alvenon al s-ro A. B. C. Senff, Hamburg, Alsterdamm, 17, IV.

## Postkongreso en Stockholm

Akceptejo estos en la Hôtel Continental apud la ĉefstacidomo. Tiu hotelo konsentos rabaton de 10%. La $18^{a}$ aŭgusto okazos vizito de la urbo, publika propaganda festo, komuna vespermanĝo, la $19^{a}$ okazos marekskurso ĉirkaŭ la urbo kaj vizito de liberaera muzeo Skaneen(?) kun tiea komuna tagmanĝo. Ĉiu pagas por si mem. Neniu kotizo*).

## Postkongreso en Kopenhago

Certe multaj samideanoj, kiuj preterpasos Kopenhagon post la vizito de la universala kongreso, volos uzi la okazon resti en la dana ĉefurbo dum kelkaj tagoj.

Tial „Centra Dana Esperantista Ligo“ aranĝos en Kopenhago, *la 21an kaj la 22an de Aŭgusto*, dutagan kuneston kun la enlandaj kaj eksterlandaj samideanoj, kiuj partoprenis la Helsingforsan (8.—16. Aŭg.) kaj la Stockholman (18.—19. Aŭg.) kongresojn.

La kongreskarto, havebla ĉe F-ino Astrid Ryb., Kommuneskolen ved Sundholm, Kopenhago, S., kostas: 5 dan. kr. por svedoj, norvegoj, danoj, svisoj, francoj, belgoj, britoj, nederlandanoj, hispanoj, italoj kaj usonanoj.

2 dan. kr. por finnoj, germanoj, litovoj, ĉeĥoslovakoj, rumanoj, bulgaroj, grekoj kaj jugoslavoj.

1 dan. kr. por estonoj, poloj, aŭstroj, hungaroj kaj latvoj.

Bonvolu sendi la kotizon per ĉeko.

*Lundon* 21-an de aŭgusto. Antaŭtagmeze renkontiĝo ĉe Langelinie, unu el la plej belaj promenejoj en Eŭropo, laŭlonge de „la Sundo“, en konata restoracio apud la maro oni matenmanĝos, ĝuante la bonan danan buterpanon.

Poste oni (eble per aŭtomobila karavano) rigardos la urbon, la ĉefstratojn kaj iliajn konstruaĵojn, ekzemple la urbdomon, la rondan turon, diversajn palacojn, la borson, la reĝan teatron k. t. p.

Vespere komuna manĝado, amuzaĵoj kaj dancado.

*Mardon* 22-an de aŭgusto. Tagmeze ekskurso al la banloko „Skodsborg“, proksime de Kopenhago, kie oni pasigos kelkajn horojn en la fagarbaro kaj ĉe la marbordo.

Vespere la kongresanoj kolektiĝos en la amuzejo „Tivoli“, kiu estas mondfama, eĉ unika establajo; kaj tial ne sen kaŭzo skribas Barono de Ménil en „La Revuo“ 1908: „La famo de tiu ĝardeno ne estas trograndigita; ĉio, kio povas amuzi la homojn, sin trovas en tiu agrabla loko . . .“

Jes, estas vero, ĉar troviĝas tie: grandega simfoniorkestro, teatroj kaj revuoj, bonegaj restoracioj, glitfervojo, ĉiuspecaj popolaj amuzaĵoj, belegaj artfajraĵoj, grandiozaj iluminacioj k. t. p.

La tuta urbanaro sen diferenco de rango renkontiĝas dum la vespero en „Tivoli“, en kiu dum grandaj festoj oni povas kalkuli ĉ. 50000 gastojn.

Kopenhago, kiun oni nomas „la urbo kun belaj turoj“, estas konata kiel ĝojiga kaj belaspekta urbo.

Ĝi estas sufiĉe malnova, sed la plej multaj kvartaloj estas nun renovigitaj, tiel ke oni ne bezonas timi, ke ne regas en la „Norda Atheno“ la pureco de a „malnovaj Grekoj“.

Do, karaj samideanoj venu multnombre al nia modesta kongreso, por kies sukceso ni Kopenhagaj Esperantistoj faros ĉion eblan

| | |
|---|---|
| *Martin Blicher,* | *Astrid Rybo,* |
| Prezidanto de | Membro de la loka kongresa |
| Centra Dana Esp.rantista Ligo. | komitato de C. D. E. L |

*) Ni donas nur ekstrakton el la malmulte legebla cirkulero petante la sendinton bonvoli estonte sendi pli taŭgan kopion. Alia gazeto (eble E. T.) jam plendis pri la sendo de okuldolorigaj hektografitaj cirkuleroj.

### Antaŭkongreso en Danzig

La kongreso okazos la *14-an ĝis 6-an de aŭgusto.* Ĉar la esperantista ŝipo Lübeck—Helsinki ne povis esti organizita, la kongresanoj el Danzig enŝipiĝos en Stettin.

L ĝado kaj manĝado en Danzig 200—400 gm kostas potage.

La programo kaj la tabelo de kotizajoj trovigas en la maja n-ro. Aliĝiloj estas dissenditaj.

Adresoj: Por m nsendoj: Deutsche Bank, Filiale Danzig, Esperanto-Kongress-Konto Werner Hoffmann. Bankbiletojn sendu nur rekomendite! Poŝtĉekkonto de l'banko n-ro 66 ĉe Postscheckamt Danzig.

Por ĉiuj aliaj sendajoj: Esperanto-Werbeamt, Danzig, Kaserne Herrengarten.

Demandante oni ĉiam aldonu valorajn respondkuponojn aŭ bankbiletojn ne ĉifonitajn.

---

## OKAZINTAJ KUNVENOJ

### XIa Belga Esperanto-Kongreso

(St. Nikolaas, 4.—5. junio.)

Jam de sabato, 3a de Junio, la kongresanoj alvenis en nian urbon kaj vizitis ĝin.

Dimanĉon matene je la 10a, la loka Reĝa Harmonio kondukis la 200 gekongresanojn al la domo de S-ro L. Scheerders, kiu donacis al la lokaj grupoj novan belegan standardon. — La procesio tie formata trapromenadis la ĉefajn stratojn de la urbo, dum knabinoj vendis al la preterpasantoj esperantan floreton.

Je la 11a la urbestro, S-ro D-ro M. De Smedt, akceptis la gekongresanojn en la urbdomo, dum la sonorilaro ludis „La Espero".

Per bela parolado la urbestro bonvenigis la gekongresanojn kaj prezentante al ili bonvenvinon, esprimis la plej korajn dezirojn por la bona sukceso de la esperantista afero. S-ro Witterych, Prezidanto de B. L. E. dankis la urbestron.

Je la 12a la malferma kunsido okazis en la urba festhalo, kie la prezidanto de la Belga Ligo, bonvenigis la kongresanojn. — S-ro Petiau, ĝenerala sekretario raportis pri la farita laboro dum la pasinta jaro kaj S-ro Matthieu, ĝenerala kasisto, raportis pri la financa stato de la Ligo.

Je la 13a h. la gekongresanoj estis fotografitaj en la ĝardeno de la urba Muzeo poste oni iris kune al la hotelo „De Hoop", kie okazis la festeno.

S-ro De Bosschere bonvenigis la ĉeestantaron, S-ro Witteryck faris toaston al la Reĝo, al lia Princa Moŝto Leopold de Belgujo, honora Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, al kiuj telegramoj estis senditaj. — S-ro Babilon dankis la Organizan Komitaton kaj S-ro Schoofs toastis la gazetaron.

Je la 16'30 h. la kongresaj kunvenoj daŭrigis en la urba festloko, kie la sekvantaj deziroj estis esprimitaj:

1. S-ino Rustin el Gent proponas: ke Kongresoj aŭ Esperanto-Tagoj okazu almenaŭ ĉiutrimonate aŭ dufoje po jaro.

2. S-ro Champy el Antwerpen: ke en la internaciaj rilatoj, en la esperantaj jurnaloj kaj libroj, oni uzu por esprimi la mezurojn kaj pezojn nur la metran sistemon kaj por montri la prezojn, nur la frankon.

3. S-ro Schoofs el Antwerpen: ke oni elektu lokajn delegitojn de la „Belga Ligo" por ĝin reprezenti en la lokoj, kie ne ekzistas grupoj kaj por ĝin helpi starigi grupojn.

4. S-ro Hérion el Verviers: ke oni klopodu por enirigi Esperanton en la lernejojn atentigante la geinstruistojn pri nia lingvo kaj ĝiaj avantaĝoj; starigante kursojn por geinfanoj k. t. p.

5. Ke oni klopodu por enkonduki Esperanton en la Skoltan movadon.

Je la 19a h. la gekongresanoj iris al la festoĝardeno, kie la lokaj grupoj aranĝis festojn je la profito de Esperanta Ligilo. La muziko de la 24a infanteria regimento donis belan koncerton.

La postmorgaŭan tagon 5an de junio la gekongresanoj promenadis al Temsche, kie la lokaj samideanoj ilin akceptis. Poste per vaporŝipo oni ekskursis al Antwerpen, kie oni promenadis tra la urbo.

La kongreso faris bonan impreson, precipe en la kongresurbo, kaj ni atendas de ĝi la plej bonajn rezultojn por la estonto.

*A. De Bosschere.*

### XIIIa Brita Kongreso

La britaj samideanoj ĝojas: preskaŭ 550 el ili kunvenis en London la 2—5 junio; bela vetero, entuziasmo, bona organizo, ĉio igis ke la kongreso estis vera sukcesa.

La 2ª okazis interkonatiĝa kunveno en la London Club. La 3ª okazis kunveno de la Brita Literatura kaj Debata Societo, kaj speciala kunveno pri instruado al junuloj, prezidata de S-ro M. C. Butler.

La ĉefa okazintaĵo de la tago estis granda kunveno en Queen's Hall. Ĉeestis ĉirkaŭ 1200 personoj. Prezidis D-ro Kimmins, eksinspektoro de lernejoj. D-ro Edmond Privat, kiu speciale venis el Genève por tiu celo, faris propagandan paroladon en angla lingvo pri la esperanta movado. Poste li alparolis la kongresanojn en Esperanto. Ĉiuj Londonaj gazetoj raportis pri tiu sukcesplena kunsido. La ĝenerala kunveno de la Brita Esperanto Asocio prezidita de S-ro J. M. Warden diskutis organizajn aferojn. D-ro Merchant, el Sheffield estis elektita kiel prezidanto por la nova periodo. La tago finis per koncerto de blinduloj.

La 4ª okazis diservo en la City Temple. S-ro Merchant predikis kaj impresis la aŭdantaron per ekzemploj el la vivoj de amataj esperantistaj pioniroj.

De la 7ª ĝis la 22'30 h okazis granda propaganda kunveno en Hyde Park, kie tri estradoj estis ĉirkaŭitaj de multaj aŭskultantoj. Parolis multaj propagandistoj inter alie: S-roj Merchant, Jackson Coleman, Yelland, Cameron, Butler, k. t. p. Grandan sukceson havis la 7jara knabino Myfamvy Butler kiu respondis en Esperanto je la demandoj faritaj al ŝi.

Lundon 5an okazis ŝipa ekskurso sur la Thames, al Richmond kaj kongresa balo.

La 6ª, kunvenoj de pacifistoj, de UEA-membroj, vizito al la parlamentejo kaj amika adiaŭa vespero, finis la sukcesintan kaj entuziasmoplenan kongreson.

### Unua Ĉeĥoslovaka kongreso

(Brno, 10.—11. junio.)

En la 10. kaj 11. de junio 1922 okazis en Brno la unua kongreso de ĉeĥoslovaka Esperantistaro, en salonego de iama landa Parlamento. Aliĝis ĉirkaŭ 300 personoj el la tuta respubliko. Honorigis la kongreson multaj altranguloj kiel oficiala reprezentantoj de ŝtataj kaj landaj estraroj; profesoroj de altaj kaj mezaj lernejoj interese sekvis la vigiajn debatojn. Honorprezidis s-roj: D-ro Pluhař, ĉefo de la Landa Komitato kaj D-ro Kunz, ministeria konsilanto kaj membro de la landa porlerneja konsilantaro. Ambaŭ bonvensalutis la kongreson en la nomo de ŝtataj kaj landaj regstaroj. Iliaj paroladoj montris, ke la senco kaj la celoj de la poresperanta movado estas plene konataj al la estraroj kaj ke ili ĝuste prijuĝas la gravecon, kiel de la problemo internacia helpa lingvo, tiel ankaŭ de la interna ideo.

Aktive prezidis la kongreson: D-ro Kamaryt, vicp ez. de Ĉsl. Asocio, S-ro Wanitsek el Bratislava, kaj S-ro Horn el Jägerndorf (oficiala delegito de la Ligo de germanaj esperantisto-societoj en Ĉeĥoslovakio).

La kongreso aŭskultis raportojn, pritraktis kaj akceptis kelkajn gravajn rezoluciojn. Raportis: Prof. Fridrich — Brno, Esperanto-Klubo, pri „Internacia konferenco pri Esperanto en Lernejo". S-ro Sklenčka — Král. Hradec, pri laŭregiona organizado kaj propagando. S-ro Rendl — Plzeň pri „Movado inter laboristoj". S-ro Ginz — Praha, sekr. de Ĉsl. Asocio Esp., pri laboro de Propaganda Sekcio de Asocio kaj pri helpo al rusaj malsatantaj samideanoj. Akceptitaj estis jenaj rezolucioj:

Kamaryt: La ĉ.-sl. ministraro por publika instruado kaj eduk-

ado diskonigu sian dekreton de d cembro 19 1 (laŭ kiu estis perme ita Esperanto-instruado en ĉiuj popolaj, burĝaj kaj mezaj lernejoj, en porinstruistaj edukejoj k. t. p.), ankaŭ al la landaj porlernejaj konsilantaroj en Brno kaj Bratislava.

Horn: Starigo de delegitaro po du delegitoj el ĉiu nacia ligo Koncernas unuforman kaj interkonsentan laboradon porsperantan, kaj celas ĉefe prepa i la proksiman *enŝtatan* kongreson kaj la materialon por ĝi.

Wanitsek: La kongreso, konsiderante la gravan rolon de C. O. por Esperanto, serioze kaj urĝe rekomendas al ĉiuj grupestroj, ke ili pagigu siajn anojn po 1 krono jare por persono, kiel dediĉo por C. O. La naciaj ligoj kolektu kaj sendu ĉi-tiun kontribuon al C. O. Same la kongreso rekomendas, ke ĉiuj grupoj abonu la „Oficialan Gazeton".

Pri la proksimjara kongresurbo la kongreso ne decidis. La delegitaro (vidu rezolucion Horn) decidi inter la urboj Mor. Ostrava, Plzeň kaj Reic enberg.

La plimulto de kongresanoj a venis jam sabaton — la 10an — kaj vizitis la interkonatiĝan vesperon okazintan en Besední Dům en Královo Pole, kiun la loka prepara komitato provizis per riĉhava programo. La interkonatiĝo efektivigis tujan interfratiĝon — veran int rfratiĝon, kion mi nur pro tio akcentas lastaloke, ĉar ĝi estis la fina intenco, al kiu ĉeĥaj kaj germanaj samideanoj celis. Tiu-ĉi harmonio regis la tutan duan tagon, la veran kongrestagon.

Lunde la kongresanoj vizitis grotojn de Macocha.

*Fr. Podloučka.*

## Kunveno de la francaj membroj de UEA

(4. Junio en Paris.)

La kunveno estis malfermita je la 4a $^1/_4$. Estas balotitaj: prezidanto: S-ro Marly el Bordeaux, sekretarioj: S-roj Jadot el Levallois-Perret kaj Marchand el Vanves.

S-ro Poncet el Lyon, parolinte je sia propra nomo, prezentis longan kaj tre interesan raporton pri la nuna stato de U. E. A.

S-ro Delanoue el Paris, faris diversajn proponojn, inter aliaj estus konsilinde ke la samideanoj, kiuj ne povas aboni la gazeton pro la troa elspezo, interkonsentu ekzemple triopiĝi por ricevi unu gazeton, kiun ili povus legi laŭvice.

Estus dezirinde ke oni starigu listojn laŭ profesioj de la Delegitoj, se ne de la Membroj.

Estas nepre necese ke oni pagu la kotizaĵon akurate tuj je la komenco de la jaro.

Poste S-ro Delanoue konigis plendon de F-ino Gérard, kiu mendis hotelajn ĉambrojn por samideaninoj ŝin petintaj pri tio kaj ne ricevis kontraŭavizon de tiuj samideaninoj, kiuj eĉ ne skribis por informi kaj peti pardonon. Estus dezirinde ke tiu plendo estu enpresigata en nia gazeto.

Estus konsilinde ke samideanoj vizitu la komercistojn, kiuj havas reklamon en la franca adresaro „Bottin"; eble tiuj komercistoj konsentus fari reklamon en nia gazeto kaj jarlibro.

Ĉiuj sciigoj pri la jarlibro devus esti senditaj al Genève antaŭ la fino de decembro; tiamaniere ni povus ricevi la jarlibron ekzemple en Februaro aŭ Marto.

S-ro Poncet konsilis ke oni ĉiam skribu zorge la antaŭnomon kaj la profesion de la anoj. Ofte okazas ke pro tio oni perdas multe da tempo ĉe la C. O. de U. E. A., precipe kiam temas pri nomoj tiel oftaj kiel ekzemple Durand.

S-ro Poncet donis klarigojn pri la projektita divido de Franclando en Regionaj Teritorioj.

La Kunveno voĉdonis la deziresprimon ke estu kreataj la ĉi-subaj Regionoj: Sud-Orienta — Sud-Okcidenta — Centra — Okcidenta-Norda — Orienta — Paris'a.

S-ro Tiard rimarkigis ke eble la projektita divido de Franclando povus koincidi kun la Teritorioj baldaŭ kreotaj de la Federacioj.

S-ro Delanoue klarigis kiel li komprenas la Internacian Organizon de la Esperantistaro.

La Kunveno estis fermata je la 6a $^1/_2$. *G. Delanoue.*

## Jara Kunveno de S. F. p. E.

La kongreso en Béziers ne povis okazi. Tial nur ĉirkaŭ 70 personoj ĉeestis la 3—4 junio la improvizitan kunvenon en Paris. Oni elektis novan komitaton kaj decidis pri diversaj administraj aferoj.

Festmanĝo okazis en la universitata restoracio. Sekvis prezentado „La kontraŭvola Kuracisto" de la esperanta kabaredo „La Verda Kato". S-ro urbestro Perollet, direktoro de la kolegio Ste Barbe, ĉeestis kaj faris favoran paroladon. Profesoroj Aymonier, Cart, Decourt kaj Grosjean Maupin pritraktis mallonge la verkojn de Molière.

Okazis fakaj kunvenoj kaj promenado en „Robinson" finis la kunvenon.

## 11a Germana kongreso en Breslau 3.—6. junio.

La 3an okazis ekzamenoj de la germana respublika Esperanto-Instituto sub gvidado de P-ro Dietterle. Jam ĉe la interkonatiĝa vespero je la sama tago kolektiĝis multaj samideanoj kies nombro superis 500. La 4. junio D-ro A. Steche malfermis la kongreson per resuma parolado pri la stato de la movado en Germanujo; poste urbestro D-ro Wagner salutis la kongreson en la nomo de la urbo. Dum la laborkunsidoj oni reguligis la interrilatojn de GEA al la junulaj asocioj, oni pridiskutigis la novajn statutojn kaj decidis, ke la ĉefa centro por la propagando, loka aŭ provinca depost nun estu ne la estraro de GEA, sed la regionaj ligoj kiel ekzemple la „Revelo" (Rheinlanda, Vestfala Ligo) Nordalbinga kaj la nove fondita Silezia ligo.

La plezura parto estis riĉenhava, speciale lundon oni aŭdis nur kantojn kaj teatraĵojn de sileziaj poetoj parte en la provinca dialekto. La vizito de la grandega jarcenthalo kun aŭskultado al la ludo de la plej granda orgeno de la mondo, multe impresis ĉiujn ĉeestantojn.

Inter la fakaj kunvenoj (sciencistoj, instruistoj, katolikoj, blinduloj, komercistoj, monistoj) estis ankaŭ kunveno de UEA. Dum ĉi-tiu la gvidanto S-ro Freund, Del. en Breslau, plendis, ke la varbado de novaj anoj estas malhelpata per tio, ke la delegitoj povas varbi nur dum la unuaj monatoj de la jaro. Poste la nove aliĝontoj preferas atendi ĝis la nova jaro, por ne pagi la tutan kotizon nur pro duona jaro, kaj por duona kvanto da gazetnumeroj. S-ro Koetz raportas, ke la nova jarlibro baldaŭ aperos kaj montris presprovaĵon. Li proponis, instigi la Centran Oficejon eldoni, kiel antaŭe flugfoliojn pri la graveco de UEA kun aldonita aliĝilo, kiuj tiam multe helpis al la agado de la delegitoj. La propono estis akceptita.

Plue oni plendis, ke la leteroj al la delegitoj nur malofte enhavis afrankon por la respondo kaj ofte petojn pri aferoj, pri kiuj la delegito ne povas okupiĝi. Oni proponis, ke la Centra Oficejo denove akcentu, ke leteroj nur bezonas esti respondataj, se ili enhavas afrankon kaj ne demandojn kontraŭajn al la statuto.

Fine oni proponis, ke la Centra Oficejo atentigu la delegitojn, ke ili faru al si dum la tuta jaro statistikajn rimarkojn por bone plenigi la demandaron. *S. Freund.*

*Rimarko de la C. O.* — Ni devas rimarkigi ke S-ro Freund estas tute malpravа: ordinara membro aliĝante ĉu en februaro ĉu en oktobro ricevas la saman jarlibron kaj membrokarton. Membro-Abonantoj ricevas la jam aperintajn numerojn de „Esperanto". Ni jam posedas taŭgajn propagandilojn-aliĝilojn, sed eble utiligos la ideon de S-ro Koetz pri aldono de statistikaj ciferoj, okaze de nova eldono. Rilate la mankon de afranko ĉe informpetoj la plendo estas ĝenerala. Ni jam multfoje atentigis niajn membrojn pri tio. Niaj delegitoj bone studu la statuton kaj tute simple forĵetu la petojn kiuj ne plenumas la elementajn kondiĉojn.

## Unua Pola Esperanto-Kongreso.

Jam la 2an de junio vizitis la kongresan akceptejon multaj samideanoj. La solena malfermo de l'kongreso okazis la 3./VI. je la 16a en la bela salonego de la Higiena Societo, ornamita per esperantaj kaj naciaj standardoj. La malfermon honorigis per sia ĉeesto la reprezentanto de la Ŝtatestro de Polujo, generalo-leŭtn.

Jacyna kaj la delegito de la Ministerio por Eksterlandaj Aferoj S-ro Klimecki. La kongreson malfermis la prezidanto de la organiza komitato, Prof. Dr. Bujwid kiu estis unuvoĉe elektita kiel prezidanto de l'kongreso. Post la invito de S-ino Klara Zamenhof, Gen. Jacyna kaj de aliaj ŝtataj reprezentantaj al la prezidantara tablo kaj post la elekto de honoraj vicprezidantoj de l'kongreso komenciĝis la salutparoloj per la belega parolado de Leo Belmont, vicprezidanto de la O. Komitato, kiu parolis esperante kaj pole en la nomo de ĉiuj tri varsoviaj societoj, organizintoj de l'kongreso. — La kongreson partoprenis ĉirkaŭ 600 personoj, reprezentantoj de pli ol 40 urboj de Polujo, du delegitoj de polaj esperantistoj en Ĉeĥoslovakio kaj unu delegito de sileziaj laboristoj. — Multnombraj depeŝoj kaj leteroj, inter aliaj letero de generalo Sébert, de la prezidanto de K. K. K., J. M. Warden, de la Brita Kongreso, de Lodza urbestro Rzewski, de multaj provincaj filioj de „Konkordo" estis akceptitaj per tondrego de aplaŭdoj. — Vespere okazis esper. koncerto, dum kiu S-ino S. Wysocka, kiu ludis en Krakovo dum la Oka la ĉefrolon en „Mazepo" deklamis la „Preĝon sub la verda standardo", „Tagiĝon" kaj „Sur Jungfraŭ". — La 4./VI. matene la kongresanoj kunvenis ĉe la tombo de la Majstro, bele ornamita per esper. standardoj por meti florkronon konsistantan el belega granda stelo, ĉirkaŭita de floroj nacikoloraj. En ĉeesto de S-ino Zamenhof kun tuta familio kaj de multaj altŝatataj gastoj nia fama oratoro, unua lernanto de D-ro L. L. Zamenhof, la poeto Leo Belmont entuziasmigis la ĉeestantaron per siaj belbelegaj vortoj pri la signifo de pilgrimado al tombo. — La rezultato de kunsidoj de rajt. delegitoj estis la rezolucio pri starigo de la Federacio de esperantistaj societoj en Polujo.*) Dum la du kongresaj laboraj kunsidoj estis faritaj kelkaj gravaj decidoj. Dro A. Czubryński, membro de la Interŝtata Poresperanta Komisiono, raportis pri la ĝeneva konferenco. Estis aprobita la Memorialo por la Ministerio de Publika Instruado pri esplorado de E-o en plej baldaŭa estonteco. Prof. J. Orzech (Inowrocław) projektas la enkondukon de E-o en instruistaj seminarioj kaj aranĝon de instruistaj kursoj dum la somera libertempo. S-ro Wiesenfeld komunikas pri fondiĝo de Pola Esperanto-Instituto kaj okazonta samvespera ekzameno (La unua laŭreato estas S-ro Pruski el Siedlce). La ekzamena komisiono estas sub la prezido de D-ro Leono Zamenhof (kiun tiuvespere anstataŭis S-ro Bronislav Kuhl el Kraków) en la ĉeesto de D-ro A. Czubrynski, M. Kans, Prof. de E-o E. Wiesenfeld. En la nomo de la O. K. de la I. Tutpola Esperanta-Kongreso S-ro Wiesenfeld proponas al la ĉeestantoj la inviton de la XV. Internacia Kongreso de E-o al Varsovio. Tondro de aplaŭdoj estis la konsen esprimo de la entusiasmigita ĉeestantaro. El aliaj gravaj decidoj de la kongreso ni citu: 1) pri nomigo de strato de Zamenhof en Varsovio (anstataŭ Dzika); 2) pri malkovro de l'Monumento dum la Internacia Kongreso en Varsovio; 3) pri eldonado de esp. bultenoj kaj aliaj, havantaj lokan signifon.

D-ro B. Kuhl proponas laŭ invito de Prof. Th. Cart kiel kandidatojn al la Lingva Komitato kelkajn polajn E-lingvistojn. Ĉe l'fino de l'kongreso entuziasmoplena samideanaro ekkantis la himnon. Per gajaj „ĝis revido dum Internacia Kongreso en Varsovio" la publiko disiĝis.

*Dr. Paulina Muszkatblat,*
ĝenerala sekretariino de la Unua Tutpola Esperanto-Kongreso.

## Letero el Britlando

Okaze de la 13a Brita Kongreso de Esperantistoj dum la pentekosta semajnfino, D-ro Privat, kiu venis responde al invito de la organiza komitato, faris publikan paroladon angle en la famekonata kaj belega „Queens Hall" London, sabaton p. t. m. la 3an de Junio. D-ro Kimmins, eks-ĉefinspektoro de lernejoj en London, prezidis kaj tre simpatie esprimis sian kredon en la fina triumfo de Esperanto. Li promesis mem eklerni la lingvon por alparoli la Esperantistojn proksiman fojon en tiu bela nova lingvo. D-ro Privat per sia kutima elokventeco tuŝis la kernon de la temo kaj certe konvinkis kaj konvertis multajn el la granda neesperantista ĉeestantaro al nia afero. Lia Esperanta parolado ĉe la fino de la kunveno estis multe aplaŭdita. En tiu li penis konvinki nin ke la Esperanta movado nun eniras en tute novan epokon, ĝi forlasas la eksperimentan periodon kaj eniras en la praktikan. Oni tamen ne devas pensi ke la laboro estas jam farita, la Esperantistoj ankoraŭ devas dediĉi multe da energio kaj tempo antaŭ ol ni vere povos vidi la finan venkon.

Profitante la ĉeeston de D-ro Privat en London, la Liverpoolaj samideanoj kaptis la oportunon transkonduki lin al tiu urbo, por profitigi nian aferon de lia granda sperteco en la movado. La vizito estis eĉ pli sukcesa ol kion oni antaŭe atendis. Por interesigi en nia movado la anojn de la loka Unuiĝo de Ligo de Nacioj kaj ankaŭ la Universitatanojn, publika kunveno estis aranĝita Julion la 6an vespere en la Universitato, sub la aŭspicio de Ligo de Nacia Unuiĝo kaj la Liverpoola grupo Esperantista. Prezidis la kunvenon Profesoro W. E. Collinson kiu, per trafaj kaj kleraj vortoj rakontis, pri la signifoplena Internacia Konferenco kiu okazis en Genève pri Esperanto en lernejoj kaj kiun li mem ĉeestis kiel delegito de la Lancashire kaj Cheshire Federacio Esperantista. Tiu malferma parolado de la prezidanto tuj ekkaptis la intereson de la neesperantista ĉeestantaro kiuj avide atendis la ĉefan paroladiston. Ilia espero certe ne estis vana, kiam D-ro Privat sidiĝis post 70 minuta flua parolado. Lian senkomparan elokventecon en la Esperanta lingvo, li eĉ superis ĉi tiun fojon en la Angla lingvo kiun li egale majstras.

Per bonegaj argumentoj kaj konvinkigaj frazoj, li montris la neceson de Esp. por tiu nova postmilita organizo Ligo de Nacioj, kaj ĝian eminentan taŭgecon por mondlingva celo. Estis granda sukceso.

La kunvenon ĉeestis kelkaj profesoroj de la universitato, inter ili ankaŭ Profesoro Webster, entuziasma subtenanto de la Ligo de Nacioj. Estas interese citi la eldirajon de Prof. Webster, kiu, proponante voĉdankon al D-ro Privat diris inter alie: ke li venis al la kunveno kiel skeptikulo sed foriras tute konvinkita pri la taŭgeco de Esperanto kiel helpa mondlingvo ĝenerale kaj kiel ilo por la ligo tute aparte. Li promesis helpi la movadon en la anglaj rondoj de la Ligo de Nacioj kaj ankaŭ subteni nin en aliaj direktoj.

Tio ne finis ankoraŭ la utilecon de la vizito. Merkredon matene D-ro Privat kun Prof. Collinson faris viziton al la Direktoro de Edukado kie ili faris bonegan impreson kaj ricevis kuraĝigajn promesojn rilate al Esp. en lernejoj. Oni daŭrigis la bonan laboron de propagando en la Universitata klubo, kiam D-ro Legge eksdirektoro de Edukado kaj aliaj profesoroj kune tagmanĝis, kaj posttagmeze D-ro Privat vizitis la lernejon kie li ekzamenis la knabojn kiuj lernas Esperanton. La direktoro de Edukado petis raporton de D-ro Privat pri tiu vizito. Lokaj jurnaloj bonege raportis pri la poresperanta agado de D-ro Privat en la urbo, kaj ni esperas bonajn rezultojn el tiu vizito. Ni ŝuldas multajn dankojn al Prof. Collinson kaj Prof. Webster por ilia helpo kaj morala subteno de nia afero.

*J. D. Applebaum.*

## Letero el Birmingham

Alveninte al Birmingham tagmeze, Junion la okan, D-ro Privat unue vizitis la estron de la Universitato, S-ro Grant Robertson kiu estas fervora subtenanto de la Ligo de Nacioj.

Posttagmeze D-ro Privat alparoladis je kunveno de lokaj edukistoj kiuj estis treege impresitaj kaj tute konvinkitaj post interesa diskutado.

Vespere D-ro Privat kunvenigis lokajn Esperantistojn kaj samideanojn kaj donis al ili la plej kuraĝigajn detalojn pri la progreso de Esperanto en Eŭropo.

Morgaŭe, antaŭ sia foriro per frua vagonaro, D-ro Privat diskutis kun S-ro Alfred Hayes (la estro de la „Midland Institute" kaj prezidanto de la grupo) pri la plej bonaj rimedoj progresigi la Esperantan movadon en Birmingham. Tre mallonga, sed epokfaranta vizito.

*W. H. Sturge.*

*) En la Estraron de la Federacio estis elektitaj: Prof. Dr. O. Bujwid, D-ro A. Czubryński, S-ro K. Domoslawski, S-ro R. Kesicki, S-ro E. Wiesenfeld, F-ino Dr. P. Muŝkatblat kaj 6 reprezentantoj de provinco.

## OKAZONTAJ KUNVENOJ.

**La 2-a kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda** okazos la 12.—16. aŭgusto en Frankfurt. Ĝis nun aliĝis 46 personoj el 9 landoj. Provizora programo aperis en S. R.

**Hungara jarkunveno.** Ni komunikas por la tutmonda Esperantistaro, ke la ĉijara hungara esperantista kongreso okazos la 26—27-an de aŭgusto en la urbo Miskolcz. Kore ni invitas ĉiujn eksterlandajn samideanojn, precipe tiujn partoprenontojn de la Dekkvara, kiuj post ĝi reveturonte el Helsinki povos facile vojaĝi tra nia urbo. Ni petis ĉe la ministro de eksterlandaj aferoj, ke la vojaĝo en kaj trans Hungario estu faciligita.

La plej grava temo de la kongresa oficiala parto estos la pritrakto de rezultatoj de la ĝeneva konferenco kaj la instruado de nia lingvo en la lernejoj, konsiderante la specialajn hungarajn cirkonstancojn. Ni petas la eksterlandajn samideanojn sendi al ni sciigojn pri siaj spertoj akiritaj je ĉi-demando.

La kongresanoj ricevos kontraŭ la pago de 50 hungaraj kronoj ĉiujn kongresfavoraĵojn. Monsendaĵojn bonvolu sendi al la kongresa kasistino F-ino Erzsi Weinberger, Miskolcz, Szinház-ut. 46. Ĉiu anoncu sian partoprenon ĉe la loka Kongresa Komitato: Miskolcz, Abbazia szalló 55.

## EL TEKNIKO

**Karbo kaj petrolo.** Pro la gravaj esploroj dum lastaj jaroj pri la sintezo de la karbsubstanco la demando de la kemiaj rilatoj inter karbo kaj petrolo atingis novan pozicion. Evidentiĝis, ke sub certaj kondiĉoj, oni povas ricevi el ŝtonkarbo distilproduktaĵojn kiuj tre alproksimiĝas al petrolo; la distilaĵo entenas multajn erojn el la konsisto de petrolo. La pragudro (unua formo de gudro) ricevata el la ŝtonkarbo, per seka distilado ĉe temperaturo malalta enhavas krom multaj fenoloj (karbolo) samajn partojn kiel la rusaj nafto-oleoj; post forigo de tiuj fenoloj la produktaĵo pli kaj pli similas al tiuj rusaj kaj aliaj naturaj petroloj. Tiel la nuna kemia esplorado kaj eksperimentado trovis rilatojn inter karbo kaj petrolo, kiel oni ne havis ideon ĝis antaŭ nelonge. Se sub certaj kondiĉoj distilado de petrolo el karbo estas ebla, trudas sin la demando, ke ankaŭ en la naturo okazas similaj procedoj de distilado, ke la petrolejoj estas nenio alia ol ariĝo de naturaj distilaĵoj de karbmineraloj. La geografia kaj geologia disvastigo de petrolo kaj karbo ne permesas tian konkludon. La supozo, ke la pramaterioj por la estiĝo de karbo kaj petrolo estas la samaj ne estas pruvebla. Tamen tre proksima parenceco de petrolo kaj karbo estas ebla, kiel konfirmas ĝin la geologia historio de petrolteritorioj de Nederlanda Indio. *H. J.*

**Konservado de ovoj pogrande.** La facila putrebleco de l'ova substanco, prezentanta ekstreme bonan nutrejon por ĉiuj eblaj bakterioj, devigis trovi rimedojn je racia procedo de protekto kaj konservado. Relative simpla estas la preparo konservi ovon por teknikaj celoj. Jam pe iom forta aldono de kuirsalo kaj malmulte da boracido, la ovaĵo, uzata ĉe tanejoj aŭ servebla por preparo de lecitino kaj aliaj teknikaj preparaĵoj, estas sufiĉe konservebla kaj senriske sendebla. Por la nutraĵmetio, la konservado per eligo de akvo estas la ĉefa procedo. Tiaj sekproduktaĵoj estas konserveblaj plej racie per dismetado tiel de l'ovflavaĵo kiel de l'albumeno, sur tavoloj aŭ plektaĵoj, ĉe malalta temperaturo sed atentante, ke ne jam okazu koagulacio (kazeiĝo). Ĉe tiu ĉi procedo de aera sekigado la ovaĵo akceptas tre multe da bakterioj, kiuj povus kaŭzi ĉe pli malfrua uzado, rapidan putriĝon. Tiuj nekonvenaĵoj kaj malutiloj estas evitataj ĉe la vakuuma (senaera) sekigado, enkondukita kun rimarkindaj rezultoj en Ĉinio. La sekigo okazas en senaerigitaj tamburoj ĉe malalta temperaturo dum kelkaj sekundoj. Pro la senigo de atmosfero aero la danĝero de infekcio per bakterioj estas nepre forigata. Ĉe mezaj aparatoj la sekigo kaj preparo de 5000 avoj respondanta al 250 kg da ovaĵo, aŭ 50 kg da sekovaĵo estas produkteblaj. La produktaĵo estas metata en ladaj skatoloj kaj ekspedata, ĝi trovas uzadon ĉe la industrio de nutraĵoj. La konservado de la ovoj freŝe fariĝas grandkvante en malvarmigitaj haloj, ordinare en kalkhava akvo aŭ fluidaĵo de silikato. La plej bonajn rezultojn oni atingas per la konservado en silikatfluidaĵo. La ovoj estas bone purigataj, eblaj bakterioj sur la ovoŝelo, forigataj per lavado kun alkoholo. Oni metas la ovojn en laŭproporcie ampleksaj argilaj potoj, ŝutante 10 procentan silikatfluidaĵon, ke ili estu plene kovrataj; utile estas verŝi iom da oleo por malebligi al la aero atingi iel la konservaĵon. Tiamaniere preparitaj, la ovoj konserviĝas freŝe ĝis 8 eĉ 12 monatoj. Alia procedo, uzanta fluidaĵon de 1 procenta permanganato estas rekomendinda.

En Kalifornio oni trovis alian procedon: La ovoj estas submetataj al bano de varmegigata oleo ĉe 120° dum 5 sekundoj per kio la ŝelo estas senmikrobigita kaj hermete fermata. Pro la rapideco de l'procedo la ovoblanko kaj ovoflavo ne estas aliformigataj. La nova procedo prezentas bonan konservadon. *H. J.*

**La aŭtomobilo en Usono.** Laŭ statistiko estas uzataj en Usono fine de l'jaro 1921 ĉirkaŭ 10,5 milionoj veturiloj ĉiuspecaj; inter ili proksimume 1 miliono da ŝarĝaŭtomobiloj. La plimultigo kontraŭ la jaro 1920 estas 14,5%. Tia cifero ne povas esti atingata en eŭropaj landoj; proporcie la uzado de l'aŭtomobilo estas en Usono la plej vasta. Amerikaj kompetentuloj taksas ke 33% de l'tuta motor-veturilaro troviĝas en lokoj kun malpli ol 10.000 loĝantoj; 22% en tiaj de 1000—5000 loĝantoj. En la agrikultura ŝtato Iowa 85% de ĉiuj kamparanoj posedas aŭtomobilon. La ŝparo de tempo kaj forto estas evidenta; la eŭropanoj povas lerni ankoraŭ multon kaj... apliki. *H. J.*

## KOMERCO KAJ INDUSTRIO

**La printempa Foiro de Leipzig** estis vizitita de 155.000 komercistoj, el kiuj 32.000 venis el eksterlando.

Al la grandega nombro de l'vizitintoj korespondis la komercado, kiun partoprenis la en- kaj eksterlandaj vizitintoj kun same forta aĉetemo. La eksterlandaj foiruloj profitis per la malalta valuto, la enlandaj foiruloj aĉetis tre avide, pro la minacanta plialtiĝo de l'prezoj. Oni havis la konvinkon, ke oni nenie povas aĉeti tiom sufiĉe kiel en la Leipzig-a Foiro. Pro la grandega aĉetemo la disponebla materialo de la plejmultaj branĉoj estis elĉerpita jam dum la unuaj tagoj kaj ankaŭ la novaj produktotaĵoj de la sekvantaj monatoj, eĉ ĝis la fino de l'jaro, estas elĉerpitaj. Tio, kion oni ofertis dum la Leipzig-a Foiro — kaj en la Specimenfoiro en la centra urbo, kaj en la Foiroj por Tekniko kaj Konstrufako sur la ekspozeja teritorio — estis bonkvalita kaj pro tio tre dezirata. La foiraj specimenoj donis klaran bildon pri la tutgermana produktado kaj pri multaj gravaj eksterlandaj produktaĵoj. Precipe dum ĉi tiu foiro oni denove vidis, ke la loka kaj tempa kunigo de ĉiuj foiraj aferoj donas grandan avantaĝon.

**„Internacia Komerca Revuo."** De nun aperas en nova eldonejo, sed restas ankaŭ estonte sub la ĉefredaktado de S-ro Unger.

La praktika aplikado de nia lingvo en sferoj komerca kaj industria estas grava kaj tial ni varme rekomendas al ĉiu interesato subteni Komercan Revuon almenaŭ per abono!

**„Komerca Revuo."** La nova eldonejo de „Internacia Komerca Revuo" (firmo Furrer & Co., en Zürich, Svisl., Stampfenbachstr. 69.) informas nin pri 2 tre gravaj firmoj, kiuj ekutiligas Esperanton por internacia reklamo:

**„Loga-Calculator S.A."** en Zürich 1 (Svislando). Fabriko de kalkulilo bazanta sur logaritma sistemo. Esperanta prospekto estas en preparo; anoncoj kaj artikoloj aperadas en „Internacia Komerca Revuo".

**„Chocolats Tobler S. A."**, en Bern (Svislando). Mondfama fabriko de svisa ĉokolado. Kvankam S-ro Theodor Tobler estas konata kiel Idisto, li ne hezitis doni Esperantajn anoncojn al „Internacia Komerca Revuo". Tio pruvas larĝvidon kaj imitindan toleremon! Grava artikolo pri „intervjuo kun S-ro Tobler" aperis en julia kajero de Komerca Revuo.

**La Komercistoj** havos en Helsinki apartan kunvenon takan. Ĉiuj ĉeestu kaj pruvu, ke Esperanto jam fariĝis utila instrumento de la praktika vivo internacia!



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifacilígi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. Membro (M): *5 Fr.*

*Membro-abonanto* (MA) ricevanta la gazeton: *12.50 Fr. — Membro-Subtenanto* (MS) ricevanta la gazeton: *25 Fr. — Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniuj naciaj favorprezoj). Naciaj prezoj por M, MA, kaj MS: **Aŭstrio:** *Kr. 800, 2500, 6000;* **Baltaj Ŝtatoj:** *O. Mk 40, 120, 250;* **Belgio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Britio:** *Ŝ. 5, 12/6, 25;* **Bulgario:** *L. 35, 80, 180;* **Ĉeĥoslovakio:** *Kr. 25, 65, 140;* **Danio:** *K. 5, 12.50, 25;* **Finnlando:** *Mk. 22, 60, 120;* **Francio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Germanio:** *Mk. 40, 120, 250;* **Hispanio:** *Pes. 6, 15, 30;* **Hungario:** *Kr. 100, 300, 600;* **Jugoslavio:** *Din. 25, 65, 140;* **Italio:** *L. 12, 30, 60;* **Nederlando:** *G. 2.80, 7, 14;* **Norvegio:** *Kr. 6, 15, 30;* **Polio:** *Mk. 600, 2000, 5000;* **Portugalio:** *Esk. 8, 20, 40;* **Rumanio:** *L. 30, 75, 160;* **Svedio:** *Kr. 4, 10, 20;* **Usono:** *D. 1, 2.50, 5.*

La Helpmembroj (HM) kategorio provizore kreita favore nur al jenaj landoj kun tre malbona kurzo. Aŭstrio: Kr. 600; Hungario: Kr. 50; Polio: Mk. 300. Ili ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevo de la jarlibro, gazeto kaj enskribo en la interrilata adresaro.

La Entreprenoj de UEA (**komercaj firmoj, societoj k. t. p.**) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio: No 79.236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No 908.50, Frankfurt am Main.*

---

**Jarlibro 1922.** Kvankam la fiksita tempolimo por la preparo estis severe observata de la redaktanto, la presejo nur povis finpresi dum junio, anstataŭ majo. La ekspedo okazas dum julio rekte el la presejo.

**Cirkulero al la Delegitoj.** Ni informas la Delegitojn ke ni forsendis je la 25 junio cirkuleron koncerne varbadon de membroj. Kun ĝi estis senditaj ekzempleroj de la statuto de UEA, presita en aparta broŝureto. Delegitoj ne ricevintaj tiun sendaĵon bonvolu averti la Centran Oficejon.

**Repago de kotizoj.** Je la fino de l'administra jaro 1921 UEA kalkulis 5387 membrojn. El ili pagis la kotizon 1922 ĝis majo 3001 personoj. Estis avertitaj per cirkulero 2386 nerepagintoj; la cirkulero estis sendita el Praha la 5an de junio. En landoj kie poŝta enkasigo, interna aŭ rekta kun Svislando estas ebla, ni enkasigos la ŝuldatan kotizon aldonante la necesan poŝtelspezon. En sekvantaj landoj la enkasigo estas farata de jenaj Delegitoj, Komitatanoj aŭ perantoj:

*Belgio:* S-ro Henri Petiau, Gand.
*Ĉeĥoslovakio:* S-ro Rud. Hromada, Praha.
*Finnlando:* Esperanto Oficejo, Helsinki.
*Germanio:* S-ro Robert Kreuz, Frankfurt a/M.
*Italio:* S-ro D-ro B. Tellini, Bologna.
*Rumanio:* S-ro Andreo Ĉe, Cluj.

Ni insiste petas niajn membrojn akcepti la senditan repagilon, helpante al ni per ilia apogo.

**Statistiko de poŝtaĵoj.** Movado de la poŝtaĵoj dum majo 1922: Ricevitaj: 826. Forsenditaj: 630. Entute 1456. (Antaŭa monato: 1563).

**Kotizoj por 1922.** Je la 31 Majo estis enkasigitaj 28 kotizoj de helpmembroj, 1112 de membroj, 3529 de membro-abonantoj kaj 116 de membro-subtenantoj. Entute 4785. Entreprenoj: 72.

**Subtenantoj.**

*Sepa listo:*

111. S-ro F. W. Breth, Petrolia N. Y. Usono; 112. S-ro Th. Thorsteinsson, Rejkjavik, Islando; 113. S-ro H. Katz, Lodz, Polio; 114. S-ro E. M. Houghton, Abadan, Persa golfo; 115. S-ro Tilly Whangarei, Novzelando; 116. S-ro Marcelo Maldonado, San José, Kosta Riko.

**Garantia kapitalo.**

*Dua serio:*

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo: | 2400·— |
| 9. S-ro C. M. Cather, Port Said . . . . . . . . . . . . | 300·— |
| | 2700·— |

**Donacoj.**

La sekvantaj dumvivaj membroj bonvole pagis kotizon de membro-abonanto aŭ de subtenanto por helpi al plibonigo de la financa stato de UEA:

S-ro Milner, Leek Angl.; S-ro Clark, Wynberg, Sudafriko. Al ili koran dankon.

**Delegitoj.** Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Caricin* (Ruslando). — D.: S-ro Eugène Tiĥonov, Respublikanskaja 21.
*Euskirchen* (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Ernst Kind, telegrafa supersekretario, Oststrasse 28. II.
*Kawhia* (Auckland, Novzelando). — D.: S-ro Cedric A. Watson, instruisto, Kinohaku.
*Menado* (Oceanio, Norda Celebes). — D.: S-ro R. W. F. Kyftenbelt, pastro.
*Sopron* (Hungario). — D.: S-ro Anton de Zsigmond, profesoro, Szinhaz-ut. 25.
*Suceava* (Rumanio, Bukovina). — D.: S-ro Arnold Hasenöhrl, majoro, strada Stefan Voda 2.
*Surat* (Hindio). — D.: S-ro R. Stuart Gordon, supervizor of distilleries.
*Vaison* (Francio, Vaucluse). — D.: S-ro Alfred Dumas, eksprofesoro, Puyméras.
*Veendam* (Nederlando, Groningen). — D.: S-ro Pieter Van Dokkum, lernejestro, Villapark 6.

**Ŝanĝoj.**

*Barcelona* (Hispanio, Katalunio). — D.: F-ino A. Vilaro, modistino, Calle Breton de las Herreros 18-1-1. VD: S-ro Ferdinando Montserrat, calle Villarroel 107-2-2.
*Breslau* (Germanio, Schlesien). VD.: F-ino Julie Wolfson, Augusta Str. 35.
*Budapest* (Hungario). — VD.: S-ro Ferenz Izsak, bankoficisto, VII. Elemer u. 30.
*Culemborg* (Nederlando). — D.: S-ro Otto de Beus, estro de cigarfabrikejo. — VD: F-ino Anna Maria van Roode, flegistino.
*Praha* (Ĉeĥoslovakio). — VD.: S-ro Otto Ginz, oficisto, Jungmannovo nám. 13.
*Salzburg* (Aŭstrio). — D.: S-ro Josef Vogel, kuiristo, Wolfdietrichstr. 7 u. 15/III. VD: S-ro Hermann Hinterhuber, apotekisto, Linzerstrasse.
*Washington D. C.* (Usono). — VD.: F-ino A. C. Leavitt. poŝtoficistino, 706. — 11 th. St. N. W.
*Wisbech* (Britlando, Cambs). — D.: S-ro Alphonse Minten, fotografisto, 8. Lower Hill St.
*Zürich* (Svislando). — VD.: R-ro Herbert Hammer, ĉe S-ino P. Sing, VI. Turnerstrasse 12.

Lokoj kun pluraj nomoj: Sopron = Oedenburg; Caricin = Zarizyn = Tsaritsin.

**La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj V. D. agas provizore.**

# CENTRA DANA ESPERANTISTA LIGO.

*Oficialaj Informoj.*

**Raporto pri la ĝeneralkunveno.** Laŭ decido de la ĝeneralkunveno 1921 la jarkunveno kaj la ĝeneralkunveno de C. D. E. L. devus okazi, se eble, en Skanderborg dum tiu-ĉi jaro; sed ĉar la Ligo ja aranĝos postkongresan viziton en Kóbenhavn post la kongreso en Helsinki, kaj ĉar la reprezentantoj opinias, ke estas neoportune aranĝi du kunvenojn dum la sama jaro, ili proponis ne kunveni en Skanderborg; kaj neniu klubestraro protestis kontraŭ tiu decido. Kaj pro tio la ordinara ĝeneralkunveno de la Ligo okazis en Kóbenhavn la 5an de Junio 1922 laŭ la tagordo antaŭe sendita al la klubestraroj

El la reprezentantaro ne ĉeestis S-ro Hinrichsen kaj la provincaj membroj. Voĉdonrajtigitaj delegitoj, escepte de Aalborg kaj de Esbjerg, ĉeestis la ĝeneralkunvenon, kiu daŭris 4 horojn

La prezidanto, S-ro Blicher, prezentis detalan raporton pri la laboro dum la pasinta jaro. (Pri la laboro de C. D. E. L. estas sendata resumo al la klubestraroj post ĉiu reprezentantara kunveno).

La kasisto, F-ino Lissy Asmussen, prezentis la kalkulraporton reviziitan de S-roj Baruël kaj Lendorff; oni ĝin aprobis.

La ĝeneralkunveno plenumis la postulojn de § 10 de la regutantaro rilate al nombro por povi fari ŝanĝojn en la regularo; kaj oni decidis ŝanĝi § 9 tiamaniere, ke estonte la kluboj devos pagi 50 oerojn po membro, sed samtempe oni decidis, ke la reprezentaro havos la rajton malplialtigi tiun-ĉi kotizaĵon ĝis la duono pór specialaj kluboj (ekzemple klubo por blinduloj, fakaj kluboj k. t. p.) kun malalta kotizaĵo.

Propono pri ŝanĝo de la nombro de l'reprezentantoj estis neaprobita; sed la ĝeneralkunveno aprobis la proponon de la reprezentantaro, ke la nomo de la agitadfondaĵo de nun estos: „Fondaĵo de C. D. E. L. por aĉeto kaj eldono de propagandiloj". (C. D. E. L.'s Fond til Indkób og Udgivelse af Propaganda-Skrifter). Pri tiu fondaĵo la kasisto de C. D. E. L. tenas apartan kalkulon.

Ankaŭ estis decidite, ke la reprezentantaro mem devas fiksi lokon kaj tempon por la venonta jarkunveno de C. D. E. L.; kaj ke oni eventuale interrilatos kun „Unuiĝo de danaj Esperanto-instruistoj" pri ordigo de ekzameno en Esperanto.

S-ro Blicher deziris demeti sian mandaton kiel prezidanto, kaj anstataŭ lin oni unuvoĉe elektis S-ron inĝenieron A. Taŭmose. Reelektataj estis S-roj Alfr. Christensen, Carlsen (ambaŭ el Odense), Hinrichsen kaj Krejl. F-ino Asmussen interkonsentis daŭrigi sian funkcion; kaj F-ino Elna Bjarnov estis elektata kiel nova membro. La reprezentantaro cetere konsistas el F-inoj Anna Jórgensen kaj Rybo krom S-roj Meindor (Aarhus) kaj Wulff.

Kiel supleantojn oni elektis S-ron Palsberg (Odense) kaj F-inon Amélie Bjarnov. La revizoroj estis reelektataj.

* *
*

Ni ankaŭ deziras atentigi niajn eksterlandajn samideanojn pri nia postkongresaj tagoj en Kopenhago la 21 kaj la 22 de Aŭgusto.

Tiujn-ĉi tagojn ni fiksis ĉar samideanoj, kiuj partoprenis la universalan kongreson en Helsinki kaj la postkongreson en Stockholm, venos al Kopenhago tra Svedio je tiu tempo. Pri programo, aliĝo, mendo de hotelo k. t. p. bonvolu vin turni al F-ino Rybo, Kommune skolen ved Sundholm, Kóbenhavn S.

Ni petas niajn danajn samideanojn, ke ili plej baldaŭ sendu sian aliĝon al nia postkongreso, ĉar tio tre faciligos al ni la laboron.

Kun samideana saluto

*A. Taŭmose,* prezidanto. *Astrid Rybo,* sekretariino.

## Al niaj kunlaborantoj

**Ni lastatempe ricevis plurajn hektografitajn cirkulerojn tute nelegeblajn. Ni petas ke oni sendu al ni la unuan plej bonan kopion, alie ni ne povas represi la enhavon**

# TRA LA FAKOJ

### Hebreoj

Por fina fondo de Tutmonda Esperantista Hebrea Asocio, S-ro Leopold Dreher, laŭ peto de samideanoj J. Mučnik kaj W. Heller petas ĉiulandajn hebreojn sendi tuj ilian adreson al TEHA, ĉe Societo Esperanto, Sławkowska 6 Kraków (Polio). Oni bonvolu presigi tiun alvokon en ekstereŭropaj hebreaj periodaj gazetoj.

### Lignajistoj

S-ro Karl Fröding 1217—7th Ave. Rockford Illinois U. S. A. estas ema kun la helpo de diversnaciaj kamaradoj lignaĵistoj, ellabori vórtareton por lignaĵistoj (fabrikado de mebloj kaj diversaj objektoj).

### Pacifistoj

La Internacia Centrejo por Absolutista Kontraŭmilitarismo „Paco" informis siajn membrojn ke por plioportuneco la raportoj estos sendataj estonte nur en Esperanto. Adreso: J. B. Meyer, Broederschaphuis, „Paco" Bilthoven Nederlando.

### Teknikistoj

La Finnlanda Societo de Teknikistoj (inĝenieroj kaj arkitektoj) invitas la inĝenierojn ĉeestontajn la XIVan Kongreson, partopreni en internacia fakkunveno. Sin turni al S-ro Sulo Attila, Hakaniemenranta 4, A, Helsinki.

### Vegetaranoj

Dum la XIVa kongreso okazos kunveno de Vegetaranoj organizota de la Helsinka Vegetara Unuiĝo. Adreso: pere de la L. K. K.

## Laboristoj.

Laborista esperantista societo Unueco en Helsinki kaj Laborista Kleriga Asocio de Finnlando decidis kune aranĝi fakan kunvenon de laboristoj dum la XIV. Krom la ordinaraj fakaj kunsidoj okazas ankaŭ solena festo kun programo internacia.

Niaparte ni proponas diskuton pri sekvantaj demandoj:

1. Organizado de propaganda laboro komuna inter la laboristaro tutmonda;
2. metodoj komunaj de propagando,
3. kreado de informservo internacia;
4. kongresoj de esperantistaj laboristoj.

Proponojn pri diskutotaj kaj pritraktotaj aferoj bonvolu sendi al kdo V. J. Kostiainen je la adreso Helsinki, Vaasankatu 3. D. 95.

### Policistoj

La movado inter policistoj pligrandiĝas. Kiel ni jam anoncis la Oficiala Policinformejo en Dresden (Schiessgasse 7) korespondas en Esperanto kaj estas preta respondi je ĉiu serioza demando. En Berlin ekzistas intereso inter policanoj. S-ro Julius Glück, ingeniero, Potsdamerstr. 113, plezure ricevos informojn pri enkonduko de Esperanto en policaj rondoj. Nun aperis nova gazeto „La Policisto", kiu deziras fariĝi la organo de ĉiuj policistoj sciantaj Esperanton (adreso: Budapest IX, Ullöi-ut. 59. IV. 8.). Ĝia unua n-ro traktas pri sekretaj skribmanieroj.

### Fervojistoj

S-ro Seiŝi Hosaka, desegnisto ĉe Fervoja Ministerio, sekretario de Japana Fervojista Esperanta Unuiĝo, faris propagandan vojaĝon. Li sin turnis al ĉiuj staciestroj de la vizitataj urboj por kolekti aŭskultantojn. La paroladoj kutime okazis en la fervojaj atendejoj aŭ fervojistaj kluboj.

### Teozofoj

La Finnlanda Teozofa Societo organizos kunvenon de teozofaj esperantistoj dum la mondkongreso en Helsinki. La personoj kiuj deziras partopreni, estas petataj informi S-inon Elsa-Kirsti, Koponen-Kostiainen, Helsinki, Vaasankatu 3 D 99. Eventuale ili diru pri kiu temo ili parolos.

### Studentoj

La Studenta Esperanta Societo en Helsinki (adreso: S-ro L. J. Lappi, pere de la L. K. K.) aranĝas kunvenon okaze de la XIVa Internacia Kongreso de Esperanto. Multaj demandoj gravaj ne ankoraŭ estis aranĝitaj depost la ĝojiga komenco farita en Praha. Oni esperas ke la proksima kunveno povos pli certe difini la direktliniojn de la estonta internacia agado.

# Esperantista Parolejo

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de niaj Delegitoj.*

S-ro *Hearly Sykes*, 88, Lowerhouses, Huddersfield, Anglujo, tre dankas S-ron A. I. Aŭgustin, Str. Friedrich Engels, 16, 794-a Hospitalo, Voronej, Rusujo, pro informoj pri unu el liaj antaŭmilitaj korespondintoj (Vasilij Kopilov), pri kiu bedaŭrinde, ĝis lia foriro militen antaŭ sep jaroj, la familio sciis nenion.

S-ro *R. Hering*, delegito en Grethen (Germanio) dankas al s-ro D-ro J. Vanverts en Lille pro la sindona serĉado de militombo en la regiono de La Bassée (Francio).

S-ro *R. Richez* en Genève kore dankas S-ron I. Vianello en Venezia pro detalaj informoj kaj aĉeto de libro.

F-ino *A. Janalíková*, instruistino el Bystřice-Hostýn (Ĉeĥoslovakio) pasigis dank' al sia no la gastiganto s-ro N. C. Carlsen el Odense 3 agrablajn monatojn en bela Danio. Ŝi kore dankas precipe al s-ro Carlsen kaj ankaŭ al ges-roj Hvorslev el Aarhus, s-ino Mammen el Grenaa, ges-roj Zoffmann el Kolding kaj al ĉiuj esperantistoj en Danio por ilia afabla akcepto kaj gastemeco.

# Esperantista Vivo

**Naskiĝoj.** Al kapitano *Pedro M.* de Villa kaj edzino, Sancti piritus, Cuba, naskiĝis filino nomita Marta.

Al Ges-roj *Antonio Alemán Ruiz* en Habana (Cuba) naskiĝis filino.

Al Ges-roj *A. Pilev* en Petrograd naskiĝis filino, nomita Elionora.

Al Ges-roj *Gilbert Courjon* en Alger naskiĝis filo, nomita Jean.

Al Ges-roj *Rudolf Strauss*, Del. en Halle, Germanio, naskiĝis filino, nomita Lotte.

Al Ges-roj *F. Doeppe*, Halle, Germ., naskiĝis filo, nomita Friedrich.

**Fianĉiĝo**. S-ro *Corn. Prins*, en Culemborg kun F-ino *A. M. van Roode*.

**Edziĝoj.** S-ro *Alfred Egg*, Del. en Wettingen, Svislando kun F-ino *Janie Wells*, esperantistino el Keighley, Britlando.

S-ro *Lucien Thévenin* el St. Etienne kun F-ino *Jeanne Vial* en Montroud-les-Bains.

S-ro *Léon Zaegel* kun F-ino *Berthe Manière* en Dijon.

S-ro *Josef Döllinger*, Warnsdorf (Ĉeĥoslovakio) kun F-ino *Elsa Kahlert*, Grossschönau (Saksujo).

S-ro *Adamo Lacalendola*, profesoro en la Komerca universitato kaj del. de UEA en Bari (Italujo) kun F-ino *Teresina Neglia*, prezidantino de Esper. Grupo en Casamaspina (Italujo), anino de UEA.

**Honorigo**. S-ro *Emanuel Hay*, Delegito en Zolkiew (Pollando) ricevis de la pola registaro ordenon „Por la oferdona laboro".

# Niaj Mortintoj

S-ino **Bartholomew**, malnova esperantistino tre konata mortis en Letchworth, 82-jara. Ŝi kun modela konstanteco subtenis nian movadon. Multaj samideanoj bedaŭros ŝian malaperon.

S-ro **Fallier**, ek regionestro en Kamb. ĝo kaj Indoĉinio mortis en Les Cars (Haute-Vienne), 59-jara.

S-ino **Hirminea Juvens de Alavedra**, edzino de nia samideano Valenti Alavedra en Terrassa (Hispanio).

**J. S. Lord**, antaŭa sekretario de la grupo de Manchester, mortis 55-jara. Li sin speciale okupis pri blinduloj.

**Orestes Nardi**, fervora propagandisto, mortis la 10-an de Majo. Li faris vojaĝojn tra la tuta mondo kaj uzis ĉiujn okazojn por konigi Esperanton.

S-ro **Eduard Wenk** el Basel mortis 32-jara en Davos.

D-ro **Fridrich Simbriger**, eks-armea ĉefkuracisto, honora membro de la E. Klubo Innsbruck. Kun li perdas la klubo unu el siaj plej taŭgaj anoj. Jam de longe Esperantisto, li estis antaŭmilite delegito de UEA por Innsbruck. En nia klubo li estis longjara sekretario. Sed ankaŭ en sia privata vivo li multege laboris en Esperanto. Monismo lin ĉefe interesis; kaj el germanaj monistaj revuoj kaj verkoj li elĉerpis kaj tradukis en nian lingvon longajn ĉapitrojn. La esperantan eldonon de „Aspazio" li tradukis germane De li ni ankaŭ posedas originalan verkan esperantan pri medicina temo. Sed tiu ĉi grava, senĉesa verkado restis tute nekonata. Neniu en la esperanta mondo sciis pri ĝi. Ĉar li nenion publikigis. — La milito portis ankaŭ al li nur doloron. Lia filo falis en batalo. Komence de 1919 li perdis sian edzinon. De tiu tempo la jam maljuna sinjoro vivis tute sole, por si, sian senĝojan, malfeliĉan ekziston. La vivo perdis por li ĉian allogon. Tial morto ne estis por li timo, sed nur liberigo. — Per tri vortoj oni povas resumi la esencon de lia tuta estado: modesteco, honesteco, kavalireco. Kaj nun li kuŝas en malvarma tero eterne. Ripozu bone!

*F. G.*

## SVISA ESPERANTA SOCIETO

**Ekzamenoj.** — Laŭ peto de kelkaj kandidatoj, la Ekzamena Komitato decidis organizi ekzamen-kunsidon kiu okazis en Neuchâtel, sabaton la 6an de majo posttagmeze.

Kvin kandidatoj estis enskribiĝintaj kaj sin prezentis al la ekzameno. Ĉiuj sukcesis akiri la „Superan diplomon". Ili estas: S-ro André Buttet, Lausanne, S-ro Alfred Thonney, Lausanne, S-ro Jules Perlet, Bern; F-ino Elisabeth Chenevard, Neuchâtel, S-ro Auguste Gendre, Lausanne.

Funkciis kiel ekzamenantoj: S-ro Jean Wenger, prez. de E. K. — S-ro Georges Stroele L. K'ano. — F-ino E. Straub kaj W. Perrenoud, ambaŭ diplomitoj.

Pri ĉiuj ekzamenaj aferoj oni estas petata sin turni por informoj al la prez. de l'Ekzamena Komitato: S-ro Jean Wenger, Côtel 13, en Neuchâtel.

La jara ĝenerala kunveno de S. E. S. okazos kredeble la 2—3 septembro en Genève.

## TRA LA GAZETARO

**Teristo.** Monata bulteno dediĉita al serĉado de vojoj celantaj al la realigo de vivo justa kaj harmonia (adreso: St. Szabuniewicz, Poŝtkesto 663, Moskva). Ni ricevis nur la duan n-ron kiu ĉefe pritraktas la problemon de la divido de la tero.

**Novaj Tempoj** (K-do Vittecoq, Sassetot par Bacqueville Seine Inférieure, Francio). Ni ricevis nur la 6an N-ron de tiu nova revuo kiu sin dediĉas ekskluzive al popoledukado. Tiu n-ro enhavas raporton de S-ro A. Testud pri la konferenco „Esperanto en lernejo" artikolon pri „Sekvoj de milito ĉe lernejo", artikolojn edukajn de S-roj E. Vittecoq, E. Stern, A. Robin k. t. p. Tiu revuo estas nepre atentinda de ĉiuj instruistoj. Unu el ĝiaj kaŝitaj meritoj estas ke ĝi enhavas ĉefe originale verkitajn artikolojn, kiuj kutime estas tro maloftaj en la esperanta gazetaro.

**Fervoja Esperantisto.** — La esperantaj fervojistoj havas nun gazeton 4-paĝan, kiu aperas en Praha (Těšnov 10). Ni rekomendas al ĉiuj fervojistoj peti tuj la unuan n-ron. Ni esperas ke la nova gazeto sin okupos pri teknika faka vor areto necesega por la interrilatoj de la ĉiunaciaj fervojistoj.

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.
Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 40.**
*W. A. Shinkman*
(Reproduktaĵo)



Blanko matas per la 3-a movo

**Problemo N-ro 41.**
*S. Loyd.*
(Reproduktaĵo)



Blanko matas per la 3-a movo

Ambaŭ problemoj enhavas la ideon de *ĉasado je figuroj*. Per la ŝlosilo preparas Shinkman la samtempan atakon de D kontraŭ la nigraj Turoj, sukcesante aŭ unu el ili kapti, aŭ post la preno de la oferproponita D okupi la liberan turlinion per la T kaj mati. Nigraj Turoj estas la vundeblaj krizpunktoj de la problemo. La verko de Loyd havas sole unu similan krizpunkton sur h7, kiu oblikve atakata per la D povas esti ŝirmata sole per movo de la Pg7, sed sekve de tio kaptas D la Kurieron kaj matas.

**Ludpozicio N-ro 1,**
el la ludo okazinta en Paris 1846.
Nigro: *generalo Dumoncheau.*



Blanko: *L. Kieseritzki*

1. Ĉd5—b6+ a7×b6
2. Df3×c6+ b7×c6
3. Kc4—a6 mato.

**Ludpozicio N-ro 2,**
el la ludo okazinta en London 1847.
Nigro: amatoro.



Blanko: *H. A. Kennedy*

1. 0—0 Ĉf2×d1
2. Kc4×f7+ Re8—e7
3. Kc1—g5 mato.

*Solvoj de la problemoj.*

**N-ro 36** 1. Ĉc8—b6, 2. b7—b8Ĉ, 3. Td7—b7 mato.
**N-ro 37** 1. Db2—c2 ktp.
**N-ro 38** 1. Tg6—g3 ktp.
**N-ro 39** 1. Kf7—d5, Kc2—e4, 2. Kd5—a8, Ke4×a8, 3. Rf2—f1 ktp., aŭ 2. . . . laŭvole, 3. Ka8×K ktp.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj.*

N-ro 34. L. Loding, Tallinn (Estonio).

*Diversaĵoj:* Okaze alvenas sciigoj el la rondo de niaj batalantoj sur la ŝaktabulo (vidu la ŝakangulon de julio 1921). Inter s-anoj Usonano *M. Sitera* kaj Kanadano *T. A. Allan* estis finluditaj du movaroj, ambaŭ gajnitaj de s-ano Sitera. Ni gratulas al la fervoruloj. Aliaj s-anoj raportas pri siaj progresoj en la ludgvidado akiritaj pere de koresponda ludado. —

En la granda internacia turniro de la majstroj, okazinta en Pištany (Ĉeĥosl.), sekvas laŭvice la majstroj Bogoljubov, Spielmann kaj Aljechin. La lasta estas taksata kiel la plej danĝera rivalo al la mondŝakmajstro Capablanca. La turniron partoprenis 19 diverslandaj majstroj.

# REKLAMO

Nur anoncoj kun *samtempa* pago estas notataj. Ni akceptas la anoncojn laŭ la disponebla loko kaj ne povas garantii la aperon en difinita N-ro. Ni ne sendas pruvnumerojn kaj rekomendas al la anoncantoj aboni nian gazeton. Ni ne akceptas respondecon pri la sekvoj de anoncoj, nek pri la eraroj kaŭzitaj pro nelegebla skribo.

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 100 Kr.; *Belgio* 1.50 Fr.; *Britlando* 7½ d.; *Bulgario* 10 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 5 Kr.; *Finnlando* 4 F. M.; *Francio* 1.50 Fr.; *Germanio* 10 Mk.; *Hispanio* 1 P.; *Hungario* 30 Kr.; *Italio* 2 L.; *Jugoslavio* 10 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Pollando* 100 M.; *Skandinavio* 1 Kr.; *Svislando* 0.75 Fr.; *Usono* 0.15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla, oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 4 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko*. k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj*. Esp-aĵo = *Esperantaĵo*.

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio.

**Graz.** — S-ro Rafael Rainhofen, Schillerstrasse 3/III, PM, PI.
**Wien, 13/4.** — S-ro Josef Kolnhofer, Zehetnergasse 37, PM, PK, Esp. Gaz. ne respondas senvalorajn PM. Vidu rubrikon „Petoj kaj proponoj".
**Wien VI.** — S-ro Franz Focher, Gumpendorferstr. 39, PI, k. ĉ. l.
**Wien VII.** — S-ro Robert Eckert, Stiftgasse 8, PI, k. ĉ. l.
**Wien VII.** — S-ro Felix Märzendorfer, Gumpendorferstr. 39, PI, PM, k. ĉ. l.

### Britio

**Doncaster.** — S-ro Oswald Clark, tanisto, Briarcliffe, L, PI pri ĉiaj temoj.
**Preston.** — S-ro Nöel Binstead 8, Herschell St., L (precipe pri senkulturaj floroj).

### Bulgario.

**Rahovo.** — S-ro Atanas Parev, ul. Selanovska 5, PI, PM, k. ĉ. l. (samaj kvantoj).

### Ĉeĥoslovakio

**Brno.** — S-ro F. Medek, Česká ul. 6. PM k. ĉ. l., PI kun eksterеŭropanoj.
**Kožlany apud Rakovník.** — S-ro Ladislav Vodák, faka instruisto, deziras ricevi desegnaĵoin de lernejoj el tuta mondo, kontraŭ dezirataj objektoj.
**Kroměříž.** — S-ro Frant. Vyšek, lernanto de pedagogia instituto, PI, PM.
**Lysá n. L.** — S-ro Zdeněk Misar PI, L (pri komerco, naciaj kostumoj kaj kutimoj, Esp-aĵo, bfl. k. ĉ. l. (krom Ĉeĥoslovakio).
**Nový Bydžov.** — S-ro Ant. Pražák, Husova 48, PM.
**Plzeň.** — S-ro Ferdinand Votrubec, poŝtoficisto, Koperníkova 20, PI, L, k. ĉ. l., escepte eksa Aŭstrio-Hungario, pri ĉiuj aferoj.
**Poprad—Velka**, Slovakio, Ges-oj Eichmüller, Elizabetstr. 1., L. (pri naciaj manĝaĵoj kaj kuiraĵoj).
**Poprad Velka** (Tatra) — S-ro Ernesto Sugár, PI, L (turistiko kaj literaturo).
**Praha.** — S-ro Inĝ. B. Molnár, poŝtfako 214, L (pri okultismo).
**Praha—Bubeneč 113.** — S-ro Kominek Rutoš, PM, PI, bfl, precipe kun eksterеŭropanoj.
**Praha I.** — S-ro Jaroslav Šmejkal, ul. Karoliny Světlé 14, PI, L, PM, bfl. k. ĉ. l.
**Praha VI.** — S-ro Villy Linhart, Vratislavova 27, PI, PM, bfl.
**Praha VIII-1010** — S-ro Oskar Weber, PM.
**Tetschen a/Elbo.** — S-ro Hans Roppert, horloĝisto, Bräuhausgasse 88, PI, bfl, PM, k. ĉ. l.

### Estonio

**Haapsalu.** — S-ro Joh. Tamverk ne plu kolektas PI, PM.

### Finnlando

**Helsinki.** — S-ro Toivo Lentinen, III linja 31 G. 18, L, PI.
**Uusikaupunki.** — S-ro K. Walovuori, komercisto, PM.
**Valtimo.** — S-ro Y. Hakharainen, L, PK, PI, k. ĉ. l.

### Francio

**Cette (Hérault).** — S-ino Juillard, 39, rue Caraussane, PI (muzeoj, pentraĵoj, pejzaĝoj).
**Paris.** — S-ro F. Brienne, 10, rue de Belzunce, PI, PM, k. ĉ. l.

### Germanio

**Leipzig-Schönefeld.** — S-ro Richard Alschner, Taubestrasse 22, L, PK, PI, PM, k. ĉ. l.
**Plauen i. V.** — S-ro Willy Hiemisch, policano, Kaserne 12, Hu., L kun fakanoj PK, bfl, gaz.

### Hispanio

**Gerona.** — S-ro Miguel Milla, Calle Albareda 16, PI, PM, k. ĉ. l., bfl.
**Sabadell.** — S-ro Enric Costa, Calle Quevedo 45, PK, L, PM.

### Hungario

**Budapest.** — S-ro Hermann Urbanovský, X., Kőbanzai-ut. 42 a. 162, PI, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ro Adalbert Rajetzky, X., Kőbánzai-ut. 42 a. 189, PI, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ro Fenyes Zoltan, Dob-u. 5/II, PK, PM (rekomendite, sendu unue).
**Budapest.** — S-ro Adám Mátjé, bakisto, VI., Dohány u. 71, I., 2., fotografaĵoj, leteroj, PI, k. ĉ. l.
**Pézc, 5.** — F-ino Heleno Fiedler, Fabriko Zsolnay, k. ĉ. l., PK, PM, L.

### Italio

**Lampedusa (Girgenti).** — S-ro O. Di Maggio, PI de famaj homoj en ĉiuj branĉoj de aktiveco kaj ideoj.

### Nederlando

**Amsterdam.** — S-ro N. A. Zilver, P. O. B. 1055, PK, PM (escepte Ĉeĥoslovakio).

### Pollando

**Bialystok.** — S-ro J. Ajer, Skrzynka Pocztowa 53, L, PI, bfl, papermono.
**Bialystok.** — S-ro Efr. Margolis, Sobieskiego 16, papermono, PM, interŝ., vendas.
**Bialystok.** — S-ro A. Babkes, Prózna 3, papermouo, PM, interŝanĝas, vendas.
**Bialystok.** — S-ro Stanislaw Kossakowski, Szopena 9, interŝanĝas PM.
**Pabjanice.** — F-ino L. Lorentowia, Poprzeczna ul., PI, bfl, L, k. ĉ. l.
**Poznan.** — S-ro Max Michalski, Mostowa 5/II, PI, bfl, k. ĉ. l.

### Rumanio

**Arad-Chiŝineŭ.** — S-ro Ludoviko Fodor, juristo, L, PI, k. ĉ. l.
**Cluj.** — S-ro Béla Deutsch, apotekisto, Strada I. C. Bratianu 28, PM (korespondas ankaŭ germane).
**Cluj.** — S-ro Ernesto Ligeti, redaktoro, Calea Regele Ferdinand 37, L (artoj, teatro), PI (naciaj kostumoj, tipoj).
**Teiuŝ** (Transilvanio). — S-ro Adalbert Teodor, poŝtestro, valoraj PM, PI (nur popolaj kostumoj).
**Teiuŝ** (Transilvanio). — S-ro Aleksandro Birthler, telegrafa mekanikisto, PI, L, fotografaĵoj, k. ĉ. l.

### Ruslando

**Astraĥan.** — S-ro Arkadio Kostanov, Katoliĉeskaja 5, k. ĉ. l., PI, L, PM, papermono, esp-aĵoj.
**Petrograd.** — S-ro Albin Korn, Fontanka 17, esp-aĵoj (ne PM), kontraŭ sovjetaj PM.

### Svedio

**Malmö.** — S-ro L. Sandberg, Kafejo „Nutiden“, PI, k. ĉ. l.
**Malmö.** — S-ro Sture Krook, Disponentgatan 21 b, PI, k. ĉ. l.
**Malmö.** — S-ro Sture Cronqvist, Cloesgat. 12, I., PI.
**Malmö.** — S-ro Albert Cronqvist, Cloesgat. 12, III. PI.
**Svennevad.** — S-ro Folke Anderson, Skogaholm L, PK.

### Svislando

**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la Jurista Societo „La Difesa“, via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj k. t. p.).

### Ameriko

**Moundsville,** W. Va (Usono). — S-ro Herbert M. Scott, 1312 Purdy Ave, kunredaktoro de Amerika Esperantisto, PM. k. ĉ. l. prefere kun malnovaj filatelistoj. Ne sendos unue.
**Balboa Heights** (Canal Zone, Panama). — S-ro E. A. Young, Box 214, L (prj agnostikismo, terkulturo, laktfarmado). Rifuzos PI PM, monerojn k. t. p.

### Aŭstralio.

**Albert Park** (Victoria). — S-ro E. E. Thompson, 32, Mills Street, k. ĉ. l., PI.
**Fitzroy** (Victoria). — S-ro A. V. Rutland, 134, Fitzroy Street, k. ĉ. l., PI.
**Kaikohe** (Bay of Islands) New Zealand. — S-ro John Jerkoviĉ, P. O. Box 24, PI, k. ĉ. l.
**Sydney** (Aŭstralio). — F-ino Ethel Lee, Harrow Road, Bexley, PI (statuoj de eminentuloj, naciaj kostumoj).
**Whangarei** (Nov-Zelando). — S-ro Percy Whittee, poŝtoficisto, nur PI, k. ĉ. l. (ne respondos al petoj pri PM).

### Azio

**Kioto** (Japanio). — S-ro Takeo Karakaŭa, ĉe Dai-3-Kotogakko, PI, PM, monon, gazetojn, ŝlosilojn, insignojn k. ĉ. l.
**Kioto** (Japanio). — S-ro T. Jizuka, Medicina Fakultato Kioto, Imperia Universitato, PM, PI, L.
**Tabriz** (Persio). — S-ro Eftehare-Defter, sendas PM, PI kaj belajn fotografaĵojn el persaj kostumoj, vidaĵoj kaj vivo kontraŭ bonaj fotografaj platoj kaj paperoj (unue ne sendas).
**Tokio** (Japanio). — S-ro Seiiĉi Inagaŭa, studento, Komazaŭa Ŝimmaĉi Ebaragun, PI, L, esp-aĵoj.
**Tokio** (Japanio). — S-ro Kenzi Odaka, oficisto, Tanaka-Kozan-Kaiŝa, 12, Kitakonjaĉo, Kjobaŝi, PI, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Tokio** (Japanio). — S-ro Kjukiĉi Matanuki, studento, 58, Ŝimo Takanaŭa Ŝiba, PM, L, PI (nur kun eksterlandoj).

## JUNULA KORESPONDADO

Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.

**Bedworth** (Warwickshire, Britio). — S-ro George Probert, Leicester Road 53, PI por 11—13 jaraj gekursanoj.

**Rostock.** Germanio. — 14 geknaboj 12—14 jara kun eksterlandanoj PI, PM. Postulu la adresojn de S-ro Aug. Wilken, Kasernenstr. 11.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Antaŭa pago.

En nacia mono: *Aŭstrio* 100 Kr.; *Belgio* 1 Fr.; *Britio* 5 d.; *Bulgario* 8 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 4 Kr. ĉ.; *Finnlando* 3 F. M.; *Francio* 1 Fr.; *Germanio* 8 M.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 20 Kr.; *Italio* 1.50 L.; *Jugoslavio* 4 Kr.; *Nederlando* 0.25 Fl.; *Polio* 100 M.; *Skandinavio* 0.75 Kr.; *Svisio* 0.50 Fr.; *Usono* 0.10 D. — (Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla, oni pagu per ili: 1 respondkupono = 20 centimoj.)

**Libertempa** domo por studentinoj en Svisio (Vaud) alteco 1150 m. Malfermata 4 julio — 15 septembro. Pensiono: 4,50 kaj 5 fr. potage. Oni sin enskribu plej baldaŭ ĉe F-ino Gampert, av. Henri Dunant, 20, Genève. Skribu prefere france. Esperantajn leterojn adresu al F-ino Alschwang, Aurore 22, Lausanne.

**Libroj.** — S-ro Mustefa Ĥan Efteĥar-zade, 16 Ŝeŝklan, Tabriz (Persio), deziras aĉeti kolektojn de jenaj francaj revuoj: „La Nature" el 1900 ĝis 1912; „La Photo-Revue" de apero ĝis 1920; „Touche à Tout" de apero ĝis 1912, faru proponon. Sendas 150 persajn PM kontraŭ 7 respondkuponoj.

**Novajn aŭstriajn poŝtmarkojn** liveras por la nominala sumo kaj 20% plialtiĝo en ĉiu nombro al ĉiu samideano Josef Kolnhofer, Wien, 13./4. Zehetnergasse 37.

**Papermono.** — S-ro Paul Sperlich, Husum, Germanio, vendas kaj dissendas en ĉiujn mondpartojn ĉian ajn germanan helpmonon kaj aliajn kolektistajn objektojn (ne fikomercaĵoj). Oni aldonu al ĉiu mendo garantian sumeton (en monbiletoj).

**Papermono.** — Por monbiletoj de Norda, Nord-Okcidenta Rusujo (de gen. Judeniĉ, Miller kaj de urbo Arĥangelsk) kaj Ukraino mi sendas papermonon de Siberio (de adm. Kolĉak, gen. Semenov kaj de Ekstrem-Orienta Respubliko). S-ro Smoliĉ, Nagornaja str. 20, Vladivostok, Siberio, tra Ameriko.

**Peto.** — Kiu povas donaci al malriĉaj minlaboristoj, malnovajn esperantajn gazetojn aŭ librojn? Akceptas S-ro Josef Paŝa, minoficisto, Muglinov 85, p. Hrušov, Ĉeĥoslovakio.

**Serioza interŝanĝo.** — Poŝtmarkserioj, poŝtkartaroj, papermono, moneroj. Profesoro José Ventura, 12, Roteros, Valencia (Hispanio), gvidanta Universitatan kurson. Nepre respondos — Malakceptas bagatelojn.

**Serion** de Ukrajnaj PM (ŝagi, ne stampitaj) vendas S-ro G. Kiŝinevskij kontraŭ 1 franko svisa. Kvanto ne limigita. G. Kiŝinevskij strada A. Voitoianu 6, Bender-Tighina, Rumanio.

**Sigelmarkojn** esperantajn sendu al mi kaj vi ricevos duoblan kvanton da memeldonitaj (14 diversaj en multaj koloroj). W. Krause, Berlin N. O. Friedebergerstrasse 1, Germanio.

**S-ro Arthur Schuman** el Chemnitz atentigas siajn korespondantojn ke li pro gravaj vundoj je ambaŭ manoj ne povas skribi. Nuna adreso: Breslau (Silezio), Krankenhaus Bethesda.

**Sonoril-arto.** — De la 12a ĝis la 15a de Aŭgusto okazos en Mechelen (Malines) internacia ekpozicio kaj kongreso de sonorilarto kaj historio de la sonorilaroj. La subskribanto estus tre dankema al ĉiu esperantisto, kiu respondos al la sekvanta demandaro: 1. Ĉu ekzistas en via urbo ludinta aŭ ludanta sonorilaro? 2. Kiom da sonoriloj ĝi enhavas? 3. Kiom pezas la aro de la sonoriloj? Kiom la plejpeza sonorilo? 4. Ĉu ĝi estas aŭ estis ludigata de sonorilaristo (pagata de la urbo) aŭ per maŝino. 5. Ĉu la sonorilaro aŭdigis koncertojn (sekve de diversaj muzikajoj)? Kiam aŭ je kiaj okazoj. Axel Baesens, Statiestraat, 16, Mechelen, (Belglando).

**Studentoj.** — Mi rememorigas al gestudentoj en Svisio, ke ekzistas Studenta Ligo Esperantista. Delegito por Svisio: F-ino H. Alschwang, 22, rue de l'Aurore Lausanne.

**Tabako.** — Georgi Dimitrov Kafaliev, ulica Diustabanov n-ro 39, Plovdiv (Bulgario), Sperta tabakoficisto deziras interrilati kun eksterlanda tabakkomerca firmo, aŭ tabakfabrikejo. Donas informojn kaj ĉiujn bezonaĵojn rilate tabakkomercadon kaj tabakkulturon de tuta lando Bulgario. Leterojn nur pri tiu ĉi temo kun eksterlanduloj.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** sama kiel „Petoj kaj Proponoj."

**Berlin.** — Ĉiuj komisioj estas zorgeme prilaborataj de F-ino Martha Rabe, Bandelstrasse 45 P. A. 21.

**Ĉiuspecajn fabrikaĵojn** deziratajn el Germanio vi je fabrikprezoj aĉetos per internacia komercagentejo Emil Krempler, Sebnitz i. S. Centro de industrio. Aldonu al demando respondkuponon.

**Eldonistoj.** — Albert kaj Filo gravaj librovendistoj deziras interrilatiĝi kun libroeldonistoj kaj pograndaj librovendistoj en ĉiuj landoj. Korespondas, angle, germane aŭ Esperante. Sendu listojn al Albert & Son, Box 57, G. P. O. Perth, West Aŭstralia.

**Escepta okazo.** — Spegulo kun belega kadro ebona, perlamota riĉa inkrustaĵo, stilo franca imperia epoko, senpreza arta laboro, tuj vendebla. Fotografaĵo sendota laŭ peto. Waclaw Kielbinski, Magistrat, Rzeszow, Polio.

**Komercistoj.** — Se viaj komercaĵoj ne estas vendataj en Aŭstralio turnu vin al The Commercial Agency Company, Box 77, G. P. O. Perth, W. Australia.

**Korbmebloj** malkaraj riceveblaj el pola fabrikejo pogrande kaj detale. Kompletaj salonoj konsistantaj el 6—10 pecoj (tablo, sofo, du brakseĝoj, du seĝoj, unu tabureto, du florpiedestaloj, unu florujo) kostas nur 72.000—82.000 pol. Mk. Postulu fotogr. desegn. kaj informojn de Prof. Miecz. Sygnarski, Kordeckiego 19, Bydgoszez, Polio.

**Maŝinoj.** — Ĉiujn maŝinojn por agrikulturo kaj industrio vendas, aĉetas kaj peras Ferdinand Jochmann, komercisto de maŝinoj. Pihl bei Haida (Ĉeĥoslovakio). Peranto de mondfama nordbohema vitroindustrio.

**Plateno-metalon** aĉetas k. vendas (nur pogrande k. laŭleĝe) Georg Reimann, Möckernstr. 71, r. III, Berlin, Germanio (helpantoj ĉiulande serĉataj).

**Pri moraleco.** — Aĉetu: „La Principo de la Movado por Ĉasta Vivo", pliklarigita el ideala kaj praktika vidpunktoj. Tradukis: C. J. Roskes-Dirksen. Prezo: fr. 0.25, afrankite fr. 0,30, rekomend. fr. 0,45. Rabato por kvantoj. Havebla ĉe D. Roskes, van Loostr. 68. den Haag (Nederlando).

**Rozoleo** natura garantite sendata poŝtasekurite en boteletoj de 10 gramoj neto por 30 fr. frankoj kaj 50 gr. 145 fr. elsenditaj per ĉeko al R. Ĉe.venakov, ulica Krestec N-ro 7, Sofia, Bulgario.

**Spongoj** kaj salitaj sardeloj. Produkto kaj eksporto S-ro Salvatore Di Maggio-Lampedusa (Italujo).

**Svisaj brodaĵoj.** — Fabrikanto serĉas rilatojn kun gravaj pagokapablaj importistoj, speciale en Japanio kaj Ĉinio. J. Graf-Müller, Altstätten, Svisio.

# LA UNISMO

## Unuiga plano por pacema rekonstruado nacia kaj internacia

### Alvoko por kunhelpado

*(Eltiraĵoj el broŝureto esperante verkita.)*

I.

Nun evidentiĝas la devo de la demokrato. Por savi sian mondon li devas serĉi kaj esplori ian metodon kiu provas akordigi la malsamajn projektojn de la multaj politikaj kaj industriaj reformistoj. Estas senutile kaj danĝerplene peni trudi ian difinitan planon se la granda plimulto da popoloj ne ŝatas ĝin. La tuja bezono estas plano facile komprenebla de la ordinaruloj por ke ili povu antaŭenpuŝi la paceman rekonstruadon de sia lando por ludi ĝiavice internacian rolon de amikeco.

Por kontentigi tiun ĉi bezonon estis publikigita en Novembro 1913 la politiko de la „Unismo“. La titolo estis elpensita por nomi novan planon por kreskigi nacian kaj internacian unuiĝon.

La unisma alvoko kulpigas neniun nacion aŭ privatan personon, sed nur petegas al tiuj kiuj posedas la povon, ke ili unuiĝu por grandioza aventuro de monda dolĉigado kaj renovigado.

Sub la malkvieto de politika kaj industria baraktado troviĝas du potencaj fortoj—unu bazita en la socialismo, la alia bazita en la individualismo. Tiuj principoj enpenetras du vastajn organizaĵojn amasigantajn rapide siajn tutajn povojn por fina batalo. La unua principo insistas ke la produktado kaj la distribuado estu iel kontrolataj de la komunumo aŭ ŝtato; la dua principo postulas aliflanke ke tiuj ĉi industriaj funkcioj devu daŭri sub la direktado de individuoj aŭ grupoj privataj.

La monda mizero nun postulas ke la industrio senprokraste funkciu por kontentigi tiujn milionojn da mondanoj kiuj suferas pro manko de ĉiutagaj necesaĵoj, individuaj kaj naciaj malamikecoj ja devas malaperi per laboro de kunhelpado stimulita per pardonema grandanimeco.

Kiel rapide kaj sendaĝere renovigi aŭ aliformigi la sistemon kapitalisman kondamnitan pro tio ke ĝi estas responda por kruela konkurado kaj militoj inter individuoj, grupoj kaj nacioj?

Tiel staras nun la demando.

La „Unismo“ estas la respondo.

Tiu ĉi nova plano distingas inter la funkcioj de produktado kaj distribuado, kaj laŭ tia distingo konstruas kompromison por ebligi tutkoran kunlaboradon rilate al nacia kaj internacia industrio kaj komerco. Ĝi estas publikigita en la kredo ke kiam konata, ĝi ja estos akceptebla al vera plimulto da personoj en ĉiu lando. Tio volas diri, ke ĉiu lando estas invitata alpreni la principojn de la „Unismo“, nome:

a) LA INDIVIDUO DEVAS PRODUKTI.
b) LA KOMUNUMO DEVAS DISTRIBUI.

Tiu ĉi politiko aranĝas

a) ke ĉiaspecaj produktivaj industrioj estos starigitaj, organizitaj aŭ pligrandigitaj per privata mono-kapitalo kaj per la energioj de privataj individuoj aŭ grupoj.

b) ke ĉiaspecaj funkcioj de distribuado, konservado kaj transportado estos komunume aŭ ŝtate kontrolitaj por fariĝi disdonada sistemo por senpartie helpi fabrikantojn kaj produktantojn kaj por efike servi la aĉetantan publikon.

La detaloj de alprenado tamen iel malsimilos laŭlande.

La unisma plano signifas liberan interŝanĝadon de artikloj ĉiuspecaj interne de la naciaj limoj kaj ankaŭ internacie.

Ne estas eble en mallonga artikolo klarigi la diversajn metodojn per kiuj oni povos enkonduki la reformadon de distribuado. Sen plua prokrasto tamen la mondo devas demandi ke spertulo kiel Sinjoro Hoover el Ameriko kontrolu kaj organizu nacie kaj internacie la disdonadon de la ĉiutagaj nutraĵoj kaj necesaĵoj de la popoloj.

Hodiaŭ Sinjoro Hoover organizas helpon al milionoj da malsatantoj en Eŭropo. La kunhelpaj distribuadaj societoj ankaŭ jam de longe kutime servadis multajn milionojn en diversaj landoj.

La popoloj devas insisti pri la kunigo kaj akordigo de la organizaĵoj de S-ro Hoover kaj de tiuj ĉi societoj kiel la unua paŝo al la scienca organizado de distribuado.

II.

Por anstataŭigi la kontraŭajn projektojn de la politikaj partioj la „Unismo“ liveras senintermankan planon koncerne la kontrolon de industrio. La parlamenta kaj administracia maŝinaro tial devos aliformiĝi por atingi kontentigajn rezultatojn.

Nereprezentaj partiaj sistemoj estas nun serioza danĝero. Multaj personoj persiste insistas ke iliaj propraj partioj rajtas estri la diversajn parlamentojn. Aliaj deziras instali „diktatorecon de la proletario“. La demokrato tamen devas esti preta starigi veran reprezentan sistemon bazitan je la principo de proporcia reprezentado ĉe ĉiuj balotadoj.

Ekzistas diversaj sistemoj de proporcia reprezentado kiuj estas alfareblaj de tiuj landoj ne ankoraŭ uzantaj unu el ili. Kompleta klarigo ne estas ebla nun. Sufiĉas por diri tie ĉi ke la metodo de voĉdonado estas tute simpla kaj komprenebla. Post la markado de la balotiloj la plua laboro de kalkulado estas nur devo por taŭge instruitaj elektitaj oficistoj. La rezultato estas aŭtomata kaj tute justa egale por partioj, kandidatoj kaj elektantoj. Partiaj kaj sendependaj kandidatoj ricevas parlamentajn sidejojn precize proporciajn al la nombroj da personoj kiuj respektive voĉdonas por ili.

Kiel la parlamento sin trovas reala reflektilo de publikaj opinioj, tiel devas la ministaro aŭ registaro enhavi anojn el ĉiuj politikaj grupoj ankaŭ proporcie laŭnombre.

La administracio devas enhavi nur spertulojn elektitajn de la tuta parlamento kaj al ĝi respondajn same kiel en Svisio, kie tiauloj okupas sin pri la diversaj fakoj de la ŝtato kontrolataj.

III.

Kiuj nun konsentas pri la metodo de la „Unismo“, tiuj efektive akceptas la jenajn principojn:

a) Nepartia registaro bazita je reprezenta parlamento per proporcia reprezentado; spertula administracio.

b) Kunhelpa plano pri la kontrolado de produktado kaj distribuado dum la rekonstruada epoko laŭ la formulo:
La Individuo devas produkti.
La Komunumo devas distribui.

c) Libera esprimado de opinioj kaj zorga konsiderado de aliaj reformemaj politikoj.

Kiam plimulto da personoj en ĉiu lando konsentos pri tiuj ĉi principoj, tiam fine estos trovita bazo por ĝenerala kunhelpado kaj rekonstruado de la industria vivado nacia kaj internacia. Tamen ankoraŭ sin prezentos multaj gravaj demandoj por solvo, ekzemple pri la plej bonaj metodoj por uzi la terlandon kaj ĉiujn naturajn vivremedojn; pri financa maŝinaro; pri urbo-planado; pri edukadaj reformadoj k. t. p.

Estas dirite ke la „edukado“ kaj la „ĝusta spirito“ estas necesegaj por vera reformado. Tio estas vera, sed verŝajne agema individua partoprenado en laboro de monda rekonstruado mem fariĝos la plej bona edukilo kaj certe kreskigos la ĝustan spiriton de kunhelpa servado. En tiu atmosfero ĉiaj demandoj estos pli facile diskuteblaj kaj solveblaj.

Tial la leganto eble komprenos ke „Unismo“ ne estas universala kuracilo por ĉiaj malbonaĵoj sed nur konstruos ponton super la nuntempa industria abismo.

*Se oni dezirus disvastigi edukade la idealojn de la „Unismo“ oni povus agi individue aŭ grupe. Tamen individuoj kaj grupoj devas esti memstaraj kaj tute sendependaj de ia alia ekstera aŭ centra aŭtoritato. Signifas simple ke oni povos agi laŭvole rilate al la propagandado de la principoj supre priskribitaj.*

*Nomo proponita por tia movado:*

*„La Unisma Kunularo.“*

*Broŝuretoj estas senpage haveblaj ĉe S-ro Colin Unwin, Box 47, Fremantle, Western Australia (Okcidenta Aŭstralio).*

PRESEJO »POLITIKA«, PRAHA, ĈEĤOSLOVAKIO.